# LITERATURA MONDO

Ĉefredaktoro: K. Kalocsay




Literatura, arta ilustrita revuo
Dua periodo — Tria jaro
Senpaga kvaronjara aldono:
**Bibliografia Gazeto**
En duona formato 16—20 paĝa

**Junio 1933**
**6-a numero**

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono 380—81.**

**Abonprezo por jaro: 9· , duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**ĈEFKUNLABORANTOJ:** J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), N. Hovorka (Wien), R. Hromada (Praha), B Johnsson (Liverpool), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E C Stillmann (U S A), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.


# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

Dancu Marinetoj, noveloj tolb. 5.40, broŝ. 3·40
Migranta Plumo, noveloj tolb. 4.60, broŝ. 2 70
Viktimoj, romano tolb. 7.40, duont. 5 60, broŝ. 5.—
Hura! romano tolb. 10.-, duont. 8 40, broŝ. 7 40
Preter la vivo, poemaro tolb. 3.—, broŝ. 2.—
Pilgrimo, poemaro tolb. 3.—, broŝ 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

Lingvo, Stilo, Formo tolb. 4 90 broŝ. 3.—
Malkara eldono bind. 2.50 broŝ. 1.50
Strečita Kordo tolb. 5.80 broŝ. 4 —
Rimportretoj tolb. 4 60 broŝ. 3.—
Eterna Bukedo. Internacia poemantologio. 352 paĝa Duonl. de bindita 11.30
Madách: Tragedio de l' Homo luksa 5.50, simpla 4.—
Petőfi: Johano la brava bind. 3.— broŝ. 1.50
Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro, silkebind. 5.—
bind. 3.— broŝ. 2.—
Hungara Antologio bind. 14.— broŝ. 12.—
K. Kalocsay – G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro bind. 5.— broŝ. 3 60

**ALIAJ VERKISTOJ:**

J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn Romano bind. 5.80 broŝ. 4.—
Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando bind. 2.50 broŝ. 1 50
Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano bind. 5.— broŝ. 3.—
Szilágyi: La Simpla Esperanto (gram. por hung.) broŝ 1,35
Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj broŝ. 1.50
La Pentroarto en la malnova Hungarujo, kun 96 ilustrajoj duonlede bindita 15.50
L. Totsche: De Paĝo al Paĝo bind. 5.— broŝ. 2.50
Engholm: Homoj sur la Tero bind 5.— broŝ. 3.60
Kenelm Robinson: Homarisma Laboro broŝ. 0.60
I. Ŝirjaev: Peko de Kain broŝ. 1.—
Hungara Ŝlosilo 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj



# Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝon Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizajoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton »Esperanto«, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

# Iom pri la lingvoscioj de Zamenhof

— Hans Joachim Plehn —

En la marta numero de »Literatura Mondo« estas tuŝata la temo, kiujn lingvoscioj Zamenhof posedis[1]. Pri tiu demando cirkulas la plej diversaj opinioj. Kelkiam oni legende laŭdis mirigan multlingvecon ĉe la majstro. Eĉ poezian formon alprenis tiaj glorigoj:

So he studied all the speech-forms,
Languages of all the nations,
Polish, Russian, German, Hebrew,
Also English, French, and Spanish,
Latin, Greek, and Scandinavian —.[2]

La demando tuŝita interesas ne nur la biografonhistoriiston, sed ĝia klarigo eĉ estas necesa kondiĉo por ĝusta pritrakto de kelkaj esperantologiaj demandoj, precipe de la etimologio esperanta. En la sekvontaj linioj estas farata unua provo, kolekti ĉion, kion ni fakte povas esplori pri la lingvaj studoj de Zamenhof. Por kompleteco estu pritraktataj ankaŭ pruvoj negativaj, kaj tiaj signoj, kiaj estas tro malfortaj por permesi konkludon pozitivan. La nuna esploro povas ampleksi ĉefe nur la demandon, ĉu Zamenhof scipovis tiun aŭ tiun lingvon. La plua demando, en kiu grado Zamenhof posedis la diversajn lingvojn, povas esti traktata nur supraĵe.

La studaĵo estas dividata laŭ jena plano:
Naturaj lingvoj
Modernaj lingvoj
Slavaj lingvoj (rusa, pola)
Germanaj lingvoj (germana, judgermana, angla, dana, islanda, sveda, nederlanda)
Latinidaj lingvoj (franca, itala, rumana, hispana)
Antikvaj lingvoj (latina, greka, hebrea)
Planlingvoj (Volapük, aliaj planlingvoj).

*Rusa.* Zamenhof mem nomas la rusan sia gepatra lingvo[3][4].

*Pola.* Sed poste li parolis pli multe la polan lingvon ol la rusan, laŭ letera sciigo el la jaro 1906[3]. Sekve ni rajtas rigardi la polan kvazaŭ lia »dua gepatra lingvo«.

*Germana.* Germanan formon havis la familia nomo de Zamenhof. Tio evidentiĝas el la cirkonstanco, ke ĝi origine estis skribata per S, ne Z[5]. La enskribo en la naskoregistro de Bjelostoko montras la nomon nur en rusa kaj hebrea transskriboj[6]; de tie do pruvo ne estas ricevebla. Sed estas fakto, ke Zamenhof almenaŭ ĝis la jaro 1903 en privataj rilatoj uzis la formon kun S. El tiu jaro oni publikigis leter-faksimilajon. Ĝi montras en la presita kapo la nomon Samenhof antaŭ pollingva adresindiko; la manskribita teksto estas esperanta[7]. Tiun saman ortografion montras — inter germana kunteksto — ĉiuj publikaĵoj el la unua periodo de Esperanto[8]. Nur pli poste Zamenhof transprenis en ĝeneralan uzon la formon je Z, aplikitan komence por garantii la ĝustan elparoladon inter esperanta teksto. Tial ni trovas poste la Z en ĉiaj dokumentoj, eĉ sur liaj privataj receptfolioj kuracistaj[9].

Ni posedas konsiderindan aron da tradukoj Zamenhofaj el la germana. Krome ekzistas pluraj privataj leteroj germanlingvaj el lia plumo[10]. Do oni povas aserti, ke Zamenhof la germanan lingvon posedis preskaŭ plene. Mi diras »preskaŭ«, ĉar tamen sin trovas ĉe li parolturnoj, kiuj montras la ne-germanon; ekzemple superpreciza apliko de la estonta verbformo, kie la germano simple uzus la estanton[11]. Cetere, en tradukoj el la germana, Zamenhof estis eĉ ne sekura kontraŭ gravaj miskomprenoj (ekzemplon vidu malsupre sub »Angla«). En iuj kazoj Zamenhof evitis publikigi proprajn germanajn tekstojn kaj preferis peti aliajn personojn, ke ili traduku por li tekston aperigotan »en bonan lingvon germanan«[12].

Rusa gazeto publikigis inter diversaj dokumentoj, rilatantaj al la Moskva studa tempo de Zamenhof, ankaŭ lian lernejan »ateston pri matureco«[13]. Tie ni vidas, ke li en germana lingvo havis la noton »5 tre bone«.

*Judgermana.* Tiu lingvaĵo, kiu el la germana evoluiĝis en la buŝo de orienteŭropaj hebreoj, estis kaj estas multe aŭdata en la regionoj, kie Zamenhof pasigis la plej grandan parton de sia vivo. Zamenhof tiun dialekton »komprenis bone kaj eĉ iom parolis sed speciale kun siaj malsanuloj, kiuj ofte alian lingvon ne parolis«[14].

*Angla.* La anglan lingvon Zamenhof ekkonis en la kvina klaso de l' gimnazio, do en 1875[15]. En la atesto pri matureco la titolo »Angla« ne plu aperas[13]. Supozeble do la instruo pri la angla en la klasika gimnazio ĉesis antaŭ fino de la lernejo.

Ekzistas nur unu pli granda Zamenhofa tradukaĵo de angla originalo. Ĝi estas la dramo Hamleto. Waringhien asertas, ke »oni scias, ke Z tradukis Hamleton el la germana traduko de Schlegel-Tieck«[16]. El la komparo de kelkaj lokoj oni vere povus konkludi, ke Zamenhof bazis ne sur la angla teksto, sed sur la germana. La jena sinoptiko montras tiajn ekzemplojn:

| | *Shakespere* | *Schlegel* | *Zamenhof* |
|---|---|---|---|
| p.o[17]): | Rosencrantz | Rosenkranz | Rosenkranz |
| p.o: | Guildenstern | Güldenstern | Güldenstern |
| p.o: | Reynaldo | Reinhold | Reinhold |
| p.55: | in my youth I suffered much extremity for love; | in meiner Jugend brachte mich die Liebe auch in grosse Drangsale, | en mia juneco la amo ankaŭ kondukis min en tre danĝeran situacion, |
| p.63: | I know a hawk from a handsaw. | kann ich einen Kirchturm von einem Leuchtenpfal unterscheiden. | mi ne miksos preĝejan turon kun lanterna kolono. |
| p.65: | By'r lady, your ladyship is... | Bei unsrer Frauen, Fräulein, ihr seid... | Per niaj virinoj kaj fraŭlinoj, vi... |
| p.66: | with as much modesty as cunning. | mit eben so viel Bescheidenheit als Verstand. | kun multe da prudento kaj modesteco. |

Kvankam la montritaj ekzemploj evidentigas, ke Zamenhof dum la tradukado havis antaŭ la okuloj ankaŭ la germanan tekston, ili tamen ne sufiĉas por pruvi, ke li la anglan tekston tute ne uzis. Rosenkranz kaj Güldenstern estas nomoj lingve germanaj; do la tradukanto rajtis redoni al tiuj nomoj iliajn originalajn form-

ojn. Same en p. 63 la germana esprimformo prave havis la preferon antaŭ la angla, kiu estas iom malfacile komprenebla (laŭ komentaro »handsaw« estas provincismo por »hernshaw« kaj signifas »ardeo«). En la aliaj ekzemploj vere oni ne komprenas facile, kial Zamenhof tiom deiris de la originalo. »Rejnaldo« multe pli harmonius al Esperanto ol »Reinhold«. En p. 55 la vorto »suferi« permesus pli fidelan kaj pli trafan tradukon ol la nuna esprimo, kiu katenite sekvas la germanan tekston; precipe se oni konsideras, ke la loko estas proza, do cedoj al versritmo estis ekster neceso. La ekzemplo p. 65 estas nepardonebla eraro (»Bei unsrer Frauen«, arkaika deklinaci-formo, signifas »je nia sinjorino« t. e. »je la sankta Maria«). Kaj tiu eraro estas klarigebla nur, se oni supozas, ke Zamenhof tie rigardis la germanan tekston sole. Ankaŭ la lasta ekzemplo enhavas rektan eraron: »Verstand« povas signifi kaj ĝenerale signifas »prudento«; sed laŭ la angla teksto ĉi tie ĝi estus tradukota »povoscio«.

Sed, male, oni trovas ankaŭ aliajn ekzemplojn, kiuj klare pruvas, ke Zamenhof uzis kaj utiligis ankaŭ la tekston de Shakespere:

| | *Shakespere* | *Schlegel* | *Zamenhof* |
|---|---|---|---|
| p.0: | Elsinore | Helsingör | Elsinoro |
| p.6: | Our last king, Whose image even but now appear'd to us, | Der letzte König (la relativa frazo mankas) | La lasta reĝo, kies la figuro Ĵus antaŭ ni aperis, |
| p.6: | a list of lawless resolutes, | ein Heer Landflücht'ger (en pli posta eldono: Landloser) Abenteurer | aron Da kuraĝuloj kaj aventuristoj |
| p.61: | the adventurous knight | der kühne Ritter | La vaganta kavaliro |
| p.69: | some dozen or sixteen lines, | ein Dutzend Zeilen | dekdu ĝis dekses versoj, |
| p.75: | sleep of death | Schlaf | mortan dormon |

La nomo Elsinoro povas esti formita nur laŭ la angla lingvo (la dana nomo de la urbo estas Helsingör). La tria kaj kvara ekzemploj videble sekvas la anglan tekston kaj ne tiun de Schlegel. En la ceteraj ekzemploj Zamenhof eĉ tradukas erojn, kiuj ĉe Schlegel estas tute ellasitaj.

Oni do povas konkludi, ke Zamenhof, tradukante Hamleton, havis antaŭ si ne nur la anglan originalon, sed ankaŭ la tradukon de Schlegel, kaj ke li en dubaj lokoj ŝajne pli sin apogis al la germana ol al la angla teksto.

Ekzistas ankoraŭ alia, tre malampleksa tradukaĵo de Zamenhof el angla lingvo. Pri ĝi vidu malsupre sub »Latina«. Ĝi pruvas, ke Zamenhof almenaŭ estis kapabla kompreni facilan anglan tekston. Pluaj tradukaĵoj ne estas konataj. La traduko de Dickens, La Batalo de l' vivo, estas farita el germana traduko, laŭ konfeso en la antaŭparolo[18]).

La resuma juĝo estas, ke Zamenhof scipovis la anglan lingvon, sed malpli bone ol la germanan.

*Dana.* Ekzistas tri volumoj da tradukoj el Andersen. En la unuaj eldonoj estas klare dirite, ke la traduko estas verkita pere de la germana lingvo[19]). Certe el tio sekvas, ke la dana lingvo estis nekonata de Zamenhof.

*Islanda.* Al la eldononto de islandlingva lernolibro Zamenhof komunikis, ke li ne komprenas la lingvon islandan[3]).

*Sveda.* La anonima aŭtoro de la poemo komence citita atribuas al Zamenhof sciojn ankaŭ en la skandinavaj lingvoj. Sed nenie sin trovas ia ajn signo, kiu praviĝas lin. Ĝis trovo de tiaj signoj ni ne povas partopreni en lia opinio.

*Nederlanda.* La substantivoj je -cio, kiuj korespondas al la latinaj je -tio (ekzemple nacio), havis en la nepublikigita praa Esperanto la finon -cje (ekzemple nacje)[20]). Tiu formo tre proksimiĝas al la korespondа nederlanda (natie). Kompreneble tiu sola fakto ne sufiĉas por konkludi, ke Zamenhof tie estis sub influo de la nederlanda gramatiko aŭ havis iajn notindajn sciojn de tiu lingvo.

*Franca.* La francan Zamenhof lernis »en infaneco«[15]). Ni posedas tradukon el Molière: Georgo Dandin. Krome ekzistas kelkaj privataj leteroj, kiujn Zamenhof skribis en franca lingvo[21]) kaj kiuj pruvas, ke li posedis tiun lingvon en sufiĉa perfekteco. Kelkaj malgrandaj nekorektaĵoj, kiujn oni renkontas en ili, eble estas nuraj plumeraroj (ekzemple »car lettres restent longtemps en route« anstataŭ ĝuste »car les lettres...«[22]). Laŭ juĝo de franca ĵurnalisto la stilo Zamenhofa estas »flue franca, skribita de homo bone lerninta la lingvon, konanta la parolturnojn kaj nur kun kelkaj ne gravaj pekoj«[23]). En la abiturienta diplomo de Zamenhof franca lingvo estas notita per »5 tre bone«[13]).

*Itala.* Rektaj indikoj, ke Zamenhof konis la italan, ne estas troveblaj. Sed en liaj laboraĵoj el ĉiuj periodoj sin trovas multaj signoj, kiuj pruvas, ke li okupis sin pri tiu lingvo.

Unue, Esperanto havas certan aron da vortoj, kiuj povas esti prenitaj nur el la itala, ekzemple: almenaŭ, ankaŭ, dolĉa, feliĉa, palaco, sveni, kaj aliaj; al ili apartenas ankaŭ la du sufiksoj -aĉ- kaj -ec-. Multe pli da italfontaj vortoj enestas en la Zamenhofa reformprojekto de la jaro 1894, inter ili: joved (= ĵaŭd), kaval (= ĉeval), kompr (= aĉet), prestu (= baldaŭ), skak (= ŝak), skop (= cel), spos (= edz)[24]). En la priparolo de la projekto Zamenhof plurfoje rekte aludas al la itala gramatiko[25]). Freŝdate Penndorf montris, ke Zamenhof en la praa formo de Esperanto intencis allasi kunfanditajn formojn inter prepozicio kaj artikolo[20]). Tiu fenomeno ja unualoke estas hejme en la itala lingvo.

El ĉiuj tiuj faktoj oni kun certeco povas konkludi, ke la lingvostudoj de Zamenhof etendiĝis ankaŭ al la itala lingvo.[26])

*Rumana.* Oni provis konstrui parencecon inter la sufikso -ul- kaj la rumana difina artikolo, kiu ja same estas postmetata kaj povas substantivigi adjektivojn. Aliaj signoj, kiuj montrus el Esperanto al la rumana, ne ŝajnas esti troveblaj. Do jen ni ne povas konkludi ion en la direkto de nia esploro.

*Hispana.* La poemo komence citita nomas inter la lingvoj studitaj de Zamenhof ankaŭ la hispanan. Sed nenio donas fundamenton al tiu aserto. En la reformprojekto Zamenhof unu fojon diras, ke en la elekto de radikoj oni devus konsideri ankaŭ la hispanan[27]). Sed en la oficiala Esperanto neniu radiko postulas supozi, ke ĝi estas prenita el la hispana. La sola vorto, kiu laŭ la sinoptiko de Bastien tion pretendus, nome »flava«[28]), pli bone povas esti derivita el la latina.

Ĉu Zamenhof sciis la hispanan, tion do oni ĝis nun devas maljesi.

*Latina.* Traduko Zamenhofa el la latina ne ekzistas. La satiro de Horacio, kiu kelkiam estas nomata en tiu rilato, ne estas kalkulebla tie ĉi. Tiu teksto estis publikigata en 1928 de brita Esperanto-gazeto. Temis pri Zamenhofa enskribaĵo en la albumo de lia amiko la pentristo Moscheles. Jen la teksto:

La kantistoj ĉiuj en la mondo
Havas ĉiam saman la malvirton:
Se deziras vi, ke ili kantu,
Vi dufoje devas ilin peti.
Tamen se ne faras vi la peton,
Tiam estas ja afer' alia —
Tiam estu certa, ili kantos
Ĝis alveno de la lasta juĝo.[29])

Laŭ asertoj tio estas la komencaj versoj de la Horacia satiro n-ro 3, libro I. Ties koresponda teksto estas:

Omnibus hoc vitium est cantoribus, inter amicos
Ut numquam inducant animum cantare rogati,
Iniussi numquam desistant.

Oni vidas, jen estas sufiĉe granda diferenco. Nu, la sama albumo enhavas anglalingvan enskribon, de la mano de la poeto Robert Browning:

All sorts of singers have this common vice:
To sing mid friends you' ll have to ask them twice!
If you don't ask them — that's another thing:
Until the judgment day, be sure they'll sing![29])

Tiuj ĉi versoj preskaŭ laŭvorte koincidas kun la Zamenhofaj kaj estas 24 jarojn pli aĝaj ol ili. Por tiu koincido sin trudas la klarigo, ke Zamenhof ricevinte la libron ĝin trafoliumis, trovis la pli malnovan noton kaj ĝin tradukis. Tiel fakte ni havas jen tradukaĵon el la angla.

Cetere Zamenhof — lerninto de klasika gimnazio kaj doktoro de la medicino — kompreneble posedis sciojn en la latina. Rekta atesto pri tio sin trovas en la konata Borovko-letero[15]). Lia lerneja fin-noto estis »4 bone«[13]).

*Greka.* En la reformprojekto oni renkontas la frazon: »La ses participoj estas por si mem objekto tre logika kaj oportuna; sed nenia lingvo ilin havas«[30]). Tamen oni ne rajtas konkludi el tio, ke Zamenhof ne konis la grekan, kiu ja posedas la ses participojn. Sendube li en la momento pensis nur pri lingvoj modernaj. Oni ja povas montri kelkajn grekdevenajn radikojn en Esperanto (ek-, kaj). Je fino de la lernejo Zamenhof havis en la greka la resuman noton »4 bone«. En la ekzameno pri matureco li ricevis »5 tre bone«, kaj al liaj »scivolemo« kaj »tre bonaj sukcesoj« rilate tiun fakon oni eĉ atribuis specialan laŭdon.[13]) Tamen li ne juĝis sin sufiĉe kompetenta, por ataki pli grandajn taskojn sur tiu kampo, kaj tial li ne volis fari tradukon de la Nova Testamento[31]).

*Hebrea.* La hebrean lingvon Zamenhof sciis bone, laŭ propra juĝo[31]). Ni posedas kompletan tradukon de la Malnova Testamento.

*Volapük.* Nature Zamenhof dum siaj laboroj devis renkonti aliajn planlingvajn sistemojn. Pri Volapük li publikigis en du lokoj pli detalajn kritikojn[32]).

*Aliaj planlingvoj.* En pluraj lokoj Zamenhof parolas pri tio, ke Volapükon antaŭis kaj sekvis multaj aliaj helplingvaj projektoj. Detale ni ne plu povas konstati, kiuj projektoj venis antaŭ liajn okulojn. Nur pri la jenaj tri oni povas pruvi, ke li sin okupis pri ili[33]: »Mundolingue« resp. »Lingua Internazional« de Lott 1889, 1890; projekto de Lentze 1889; projektado de Rosenberger, Wahren k. a. 1893/98.[34]) Krome unu limdato estas fiksebla: Zamenhof buŝe rakontis, ke li antaŭ la jaro 1879 — la dato de l' apero de Volapük — nenion sciis pri la ekzisto de iaj planlingvaj projektoj. Liaj propraj planlingvaj laboroj tiam esence jam estis finitaj.[35])

FONTOJ.


1) *Banham, R.* Pri la lingvoscio de Zamenhof (Lit. Mondo 1933 p. 42).
2) *G., S. and Esperantisto 1905.* The Coming of Esperanto (Brit. Esp. 1931/32 p. 232).
3) *Or. V.* (= *Zamenhof, L. L.; kor. kaj eld.: Dietterle, J.* Originala Verkaro. Leipzig 1929.) V 211.
4) La frato de Zamenhof, *d-ro Leono Zamenhof*, Varsovio, kiu havis la afablecon doni al mi kelkajn informojn pri la nun pritraktata temo, aldonis al la citita eldiro de sia frato la kaŭzon »ĉar li loĝis en la parto de la antaŭa Rusujo, kie oni pli multe parolis ruse« (en letera sciigo sept. 1931).
5) Or. V. V 7.
6) —. Historiaj Dokumentoj (Esp. Triumf. 1922 n-ro 115 p. 2).
7) Or. V. p. 602.
8) Ekzemple la dulingvaj gazetkapoj kaj -artikoloj de »La Esperantisto« kaj la unua eldono de la vortaro Jürgensen.
9) Or. V. V 375.
10) Or. V. V 335, V 336, V 337, V 371, V 373, V 374.
11) Or. V. V 337.
12) Or. V. V 334.
13) *N.—v, N. V.* Zamenhof en Moskvo (Nova Epoko 1929/30 p. 58/68) p. 60.
14) Laŭ letera sciigo de *d-ro Leono Zamenhof*, Varsovio, sept. 1931.
15) Or. V. V 3.
16) *Kalocsay, K. Waringhien, G.* Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro. Budapest 1932. P. 38. — Cetere jen estas erareto: De Hamleto ne ekzistas traduko de Schlegel kaj Tieck, sed nur de Schlegel sola.
17) La paĝonumeroj korespondas al la dua (libra) esperanta eldono (*Shakespeare, W. trad.: Zamenhof L.* Hamleto. Paris 1909.)
18) Or. V. I 17.
19) Ekzemple: *Andersen; trad.: Zamenhof, L. L.* La Najtingalo (Revuo 1907/08 p. 353/361) p. 361.
20) *Penndorf, J.* Pra-Esperanto (Lingva Krit., aldono al Her. 1933 n-ro 15 p. 1, n-ro 16 p. 1/2).
21) Or. V. V 56, V 372.
22) Or. V. V 372.
23) Laŭ afabla letera sciigo de s-ro *L. Agourtine*, Parizo, majo 1932.
24) Ref. (= *Zamenhof, L. L.; reeld.: Javal, E.* Pri Reformoj en Esperanto. Coulommiers 1907.) p. 23, 24, 25, 27, 32.
25) Ref. p. 3, 5, 10.
26) Kiam tiu ĉi studaĵo esence estis jam finita, *d-ro Leono Zamenhof*, Varsovio, afable certigis al mi la ĝustecon de tiu konkludo (en letera sciigo sept. 1931).
27) Ref. p. 10.
28) *Bastien, L.* Naŭlingva etimologia leksikono de la lingvo Esperanto. Paris 1907. p. 58.
29) —. Novaj vortoj de d-ro Zamenhof (Int. Language 1928 p. 161).
30) Ref. p. 7.
31) Or. V. I 14.
32) Or. V. III 1, III 2.
33) Or. V. II 69, II 72, V 4.
34) Verŝajne atingis lin la publikigaĵoj, kiuj en *Stojan, P.*, Bibliografio de Internacia Lingvo, Genève 1929, estas registritaj sub la n-roj 1595, 1625, 1626, 1627, 1629, 5885.
35) *Freund, S.* Ĉu Dro Zamenhof antaŭ la verkado de Esperanto konis Volapük-on? (Germ. Esp. 1921 p. 14).

# Eksterprograme

— Raymond Schwartz, Paris —

Ŝendube, ĉiu prenas sian plezuron, kie li trovas ĝin. Kaj finfine oni ne rajtas postuli de homoj, kiuj pasigis tutan tagon en sensuna oficejo, absorbite ĝis kompleta obtuziĝo en ciferaj operacioj, ke vespere ili altigu sian lacan spiriton al la nivelo de intelektaj distraĵoj.

Durand, Tripont, Septim kaj Naŭmuf estis kolegoj. Ankaŭ amikoj ili estis, sed nur malgraŭvole. Ilin ligis unu al la alia malpli reciproka simpatio ol la hazardo de komuna sorto. En la privata vivo ili diferenciĝis inter si kiom nur eble pro diverseco de siaj konceptoj kaj karakteroj. Durand estis juna fraŭlo. Li vivis senzorge sed brue. Tripont, familipatro konscianta pri siaj devoj, aplikis senkompate tro rigidan ŝparemon. Krom tio li havis severajn principojn pri la moralo. Septim fanfarone sin proklamis duonfraŭlo; li portis tro videble la malvirtojn de tiu metio. Naŭmuf, la kvara, volonte enfermiĝis en definitivan silentemon. Li estis edzo, malfeliĉa en sia hejmvivo, kaj sciis, ke la grandaj doloroj estas mutaj.

Sed ĉiumatene tiuj kvar sin retrovis jungitaj al la sama tasko en la kontista fako de Asekura Kompanio. Lasinte sian propran personecon ĉe la enirpordego ili fariĝis en la granda administra maŝino nur radetoj, kies dentoj aŭtomate kaj sengrince adaptiĝis unuj en la aliaj. La kvar kolegoj portis kune la samajn esperojn, la samajn timojn. Tio proksimigas la homojn ofte pli ol simileco de l' inklinoj.

Generale ili parolis malmulte. Escepte de kelkaj rimarkoj, kiujn ili devis interŝanĝi pro la senfrota funkciado de l' maŝino, ilia konversacio konsistis ĉefe el banalaĵoj, kiuj — tro ofte ripetiĝintaj — atingis la senefikon de trouzitaj kliŝoj. La kvaro mem apenaŭ atentis la sencon de tiuj vortoj tro konataj. Nur pro enkrustiĝinta kutimo ĉiu el ili rediris sian rolon, pli aŭtomate ol konscie. Tiel, ekzemple, kiam Tripont ĉiumatene plenŝtopis sian pipon, li senmanke ŝmacis:

»Jen la plej bela tago el mia vivo!«

Al kio Durand same senmanke respondis: »Ĝi ne estas tre bonodora, via plej bela tago.«

Kiam Septim, la koketa duonfraŭlo, provis per kombileto reordigi siajn sep harojn. Tripont tre ĝuste, sed ĉiam vane, konsilis: »Provu foje per spongo anstataŭ per kombilo.«

Kaj kvin minutojn antaŭ la 12a, tre precize, rigardinte la murhorloĝon, Naŭmuf eliris el sia hermetika silento por konstati, ke »estas ankoraŭ kvin minutoj ĝis bifsteko.«

Dum la tuta tago ili tiel disvolvis la senvarian diskon de sia repertuaro. Ĉar ili ne ŝatis eksterkadrajn klopodojn aŭ komplikojn. Eĉ post la laboro, ĉiuvespere, kiam en apuda trinkejo ili ludis kune la adiaŭan glason, ili neniel provis diri ion ne jam centfoje diritan. Tie ili staris ĉe la verŝtablo kaj provis per ĵetkuboj gajni sian aperitivon. La ludo ne havis vigligajn kombinojn. Infane facila, senespere stulta. Sed ni jam konstatis, ke ĉiu prenas sian plezuron, kie li trovas ĝin. Laŭvice ĉiu el ili ĵetis la kubojn kaj kalkulis la poentojn. Kiu trafis malplej, tiu malgajnis. Li pagis por ĉiuj. Estas ĉio. Kaj ekzistis prete mulditaj frazoj por kvitanci la malvenkon de ĉiu. Entute kvar variantoj, depende de tio, ĉu estis Durand, Tripont, Septim aŭ Naŭmuf la paganto. Kvazaŭ instinkte, age kaj parole, ili evitis ĉiun novaĵon. Memstaraj homoj, imagokapablaj ili refariĝis nur post la disiĝo, kiam ĉiu retroviĝis sola sen sia »kunteksto«.

Tamen, iun tagon, ili improvizis. Dank' al banala hazardo. Fintrinkinte siajn glasojn, kaj eble pro tio iom pli entreprenemaj, ili kvarope sin direktis al la proksima stratangulo, kie ili kutimis ĝi revidumi. Tiam okazis, ke preterpasis du fraŭlinoj, tute ĉarmaj, cetere bonguste, elegante vestitaj. Evidente filinoj el honestaj familioj. Mute la kvaro interŝanĝis admiran palpebrumon. Nur Septim, la sperta duonfraŭlo, aldone klakigis la langon kaj konfesis:

»Mi kun certa plezuro karesus tian dorsaĵon.«

Pro tiu ĉi neatendita, eksterprograma propono la tri aliaj ne tuj trovis respondon.

Fine, Naŭmuf, kiu malŝatis fanfaronadon, incitis: »Nu faru do, se vi kuraĝas.« Kaj Septim akceptis la spitinviton: »Kial ne? Vidu!«

Li postsekvis la junulinojn kaj rapide, nenion dirante, li metis sian manon sur la suban dorsoparton de unu el ili, dum liaj kamaradoj atendante kaj esperante skandalscenon stulte ridis. Sed fakte okazis nenio. Aŭ preskaŭ nenio. La junulino, tiel subite kaj nekonvene tuŝita, turniĝis tute senkomprene, ne konsciante tuj la malĝentilaĵon. Sed kiam ŝi komprenis, (bedaŭrinde tro malfrue) — eklumis en ŝiaj okuloj indignanta brilo de ofendita senforto. Tiu rigardo, kvazaŭ helpokrio-signalo de ĉasita cervino, plej dolore tuŝis la konsciencon de Tripont. Li estis mem familipatro, havis du grandajn filinojn, kiuj iam povus troviĝi en simila situacio, elmetitaj al sama gesto de krudulo. Tripont sentis embarason kaj malbonhumore ĉe la proksima angulo li forlasis siajn kolegojn.

Li sekvis la saman vojon, kiun iris ankaŭ la knabinoj. Laŭ ilia vigla diskutado li facile konkludis, ke ilia emocio ne kvietiĝis. Tiam li sentis la bezonon peti pardonon pro la senpripensa ago de sia amiko. Li preparis laŭcirkonstancan paroladeton kaj sin turnis al la junulinoj:

»Pardonu, fraŭlinoj, mi dezirus . . .«

Pli li ne sukcesis diri. Li ricevis tian vangofrapon, ke li povis nur froti la dolorantan vangon, dum la sonoro de l' frapo ankoraŭ eĥis en liaj oreloj. Ĉar intertempe la bonfamiliaj filinoj estis adaptiĝintaj al la situacio. Nun ili sciis, kion fari kontraŭ truduloj. Kaj kolera voĉeto avertis:

»Ne kuraĝu insisti, impertinentulo!«

Dume preterpasanto almokis Tripont'on: »Tion vi ne ŝtelis, senbremsa voluptulo!«

Amasiĝintaj gapantoj informiĝis: »Kio estas? Kio okazis?« kaj la sola atestanto ne hezitis klarigi: »Tiu perversulo volis perforti la sinjorinojn.« — Kaj la gapantoj postsekvis Triponton ĝis lia hejmo. Ĉiam pli multnombraj ili fariĝis kaj ĉiam pli laŭte ili insultis lin: »Diboĉulo! — Senhontulo! — Vampiro!« Kaj tio estis la plej mildaj epitetoj.

Tripont pli libere spiris nur, kiam li transpaŝis la sojlon de la domo. Fine la kurteno falis, kvankam sur la strato la amaso ankoraŭ murmuris. Tripont sin opiniis savita. Sed li eraris.

Ok tagojn poste li ricevis rekomenditan leteron de la domposedanto, kiu tre energie ordonis, ke li forlasu sian loĝejon antaŭ la fino de l' kuranta monato, ĉar la aliaj samdomanoj, kiuj havis filinojn, minacis fari skandalon, se oni toleras pli longe tian abomenan kaj danĝeran maniulon sub la sama tegmento.

# Vojaĝo en Faremidon

— Frederiko Karinthy —

DUA ĈAPITRO.

*La maŝino, kiu alportis la aŭtoron, montras mirindan konscion. — Kurioza konversacio. — Homsimilaj arboj. — La kastelo.*

Rekonsciiĝinte el nia sveno, mi apertis la okulojn kaj ĉirkaŭrigardis. Pejzaĝo naĝanta en brila sunlumo sternis sin antaŭ mi: unuflanke milde leviĝanta montodorso, maldekstre brile zigzaganta rivero, sur ĝiaj bordoj bluverdaj arbustoj. Trans la riveron kondukis simpla, senbarila ferponto, — al fora arbaro kuris blanka vojo, ambaŭflanke strangformaj arboj. La vojo ŝajnis tre longa, ĝi perdiĝis en blua nebulo kaj ŝajnis, ke tie, kie ĝi atingas la arbaron, inter la arboj estas ia pordego aŭ volbo. La tuta pejzaĝo, super kiu la telero de la suno kreskis nekutime, preskaŭ duoble pli granda ol ordinare, estis iel nereala, fabela kaj fremda, tamen nekompreneble konata; kvazaŭ ne la unuan fojon mi irus ĉi tiun regionon. Poste, dum mia surprizita gapado, mi pripensadis tion kaj rekonis, de kie mi konas ĉi tiun regionon: en miaj songoj mi iradis ĉi tie, eĉ ne unufoje, precipe en mia infanaĝo; estis sonĝo, kiu neatendite revenadis en grandaj intervaloj; komence, en mia infanaĝo, mi staradis sur la ĉi-flanka bordo de la rivero kaj rigardis sopire al la arbaro, el kie sonis nekonata, dolĉa muziko; poste mi sonĝis ankaŭ, ke mi transiras la ponton kaj ekiras sur la sablo de l' blanka vojo. Ankaŭ kiel soldatrekruto mi sonĝis pri ĝi: mi marŝis al la arbaro kun tornistro sur la dorso; mi sciis ankaŭ, ke tie atendas min io bona, freŝiga ripozo kaj trankvilo, sed ŝajnis, ke neniam mi alvenos tie.

Sed nun ĉio ĉi estis konkreta realo, mi estis maldorma, sentis soifon kaj provis ekmoviĝi. Subite mi sentis fortan premon sur la kokso, samtempe ia forto levis min el mia sidloko kaj por minuto svingis min en la aero. Ektiminte mi rigardis tien: al mia kokso gluiĝis mallarĝa metalringo, kiel ia ĉarniro; ĉi tiu metalringo finiĝis en alsupre dikiĝanta metalbrako. En la sekvinta momento ĉi tiu brako levis min ankoraŭ pli alten, poste ĝi malrapide min mallevis kaj metis sur la teron, proksimume tri-kvar metrojn for de la maŝino, en kiu mi sidis, poste ĝi delasis min kaj retiriĝis. Mi suprenrigardis kaj ekvidis antaŭ mi strangan, neniam viditan mekanismon aŭ maŝinon: mi povas ĝin priskribi nur en konfuza skizo, ĉar eble eĉ desegne mi ne povus doni pri ĝi klaran bildon, kvankam de tiam mi ofte vidis similan. Mia unua penso estis, kompreneble, ke mi staras antaŭ tute novsistema, senfine komplika flugmaŝino, kies skeleto, nesimile al la ĝisnunaj, staras vertikale sur la tero, kun arĝentaj flugiloj ambaŭflanke. Sed ĉi tiu skeleto havis formon nedeldireble strangan: supre ovoforma orglobo, platigita ĉe la supro, simila al tre regulforma, stilizita homkapo, al kiu similajn uzas la skulptistoj por ornami konstruaĵojn; sur la loko de la okuloj estis du brilaj, rondaj vitrolensoj, post kiuj ruĝeta lumo fosforeskis. Sub ĉi tiuj lensoj du tuboformaj aĵoj elstaris el la kapo kaj sub ili estis ovala, bellinia aperturo, kovrita per orplato, kiu regule leviĝis kaj fermiĝis. La trunko de l' skeleto estis ŝildforma, same el oro, sur ĝi tre beldesegnaj, artaj inkrustaĵoj el gemoj; sube, ĉirkaŭ la kokso, metalringo. La mekanismo staris sur du belformaj apogaĵoj, kiuj mallarĝiĝis almalsupre: ĉi tiuj apogaĵoj finiĝis en komplika radsistemo; la radoj moviĝis libere, la maŝino povis leviĝi kaj ankaŭ paŝi per ili, sur plata tero ili turniĝis rapide.

La du brakoj de l' skeleto estis la flugiloj, sed krom tiuj ankoraŭ pli multaj mallarĝaj, fleksiĝemaj metalbrakoj etendiĝis el la kokso, kun diversaj finaĵoj, el kiuj unu estis, kiu min levis el la mekanismo.

La tuta maŝino, malgraŭ sia komplikeco, iel faris la impreson de simplo kaj de memkomprenebla neceseco; oni sentis, ke ĉio troviĝas ĝustaloke kaj kunlaboras en mirinda harmonio, sed, super ĉio ĉi, ĝi vekis jam en la unua momento ankaŭ ian neesprimeble agrablan senton, kiu ne interrilatis nur kun la impreso, ke la maŝino certe estas ĉefverko de l' ekonomia kaj perfekta tekniko, sed krom tio, ĝi efikis aparte: mi ne povas alimaniere min esprimi, nur proksimuman vorton mi uzos, dirante, ke ĉi tiu maŝino estis *bela;* per *bela* mi volas komprenigi ne tiom, sed multe pli, ol uzante ĉi tiun vorton ekzemple por pentraĵo aŭ eĉ por virino. Mi estas simpla kirurgo, malsperta en la arto de l' vortoj, sed mi memoras, ke tiam venis en mian kapon ravinspiritaj epitetoj, kiujn enamiĝintaj junuloj eltrovas en la momentoj de l' ebrio. Eble mi tute ne estis en normala animstato, parte ankoraŭ sonoris en miajn orelojn la antaŭaj akordoj kaj parte el la maŝino inundis ia stranga forto tenante ĉiujn miajn nervojn en streĉita torporo, io inter la varmo kaj la fluanta elektro, ia nevidebla elektra varmfasko. El la interno de l' maŝino aŭdiĝis konstanta, agrabla sonoro, la flugiloj malleviĝis sur la teron. Sur la



R. Ponson *Beato Angelico*

vizaĝo mi sentis tikladon kaj suprenrigardinte mi vidis, ke la du vitrolensoj min okulfiksas. Kaj leviĝis unu brako kaj tuŝis min, poste ĝi denove retiriĝis. Dum mi pricerbumis, kiu povas esti la homo, kiu elinterne movas la maŝinon, sur la kapo de la skeleto ekmoviĝis klapo kaj ree eksonis kun nedireble dolĉa voĉo tiu muziko, kiun mi ĵus aŭdis, sed nun ne la muziknotoj fa-re-mi-do, sed takto alia, profunda kaj ĉefine suprenkurbiĝanta, bedaŭrinde per la muziknotoj de la kromatika skalo mi ne povas ĝin precize esprimi, sed proksimume en la jena vico: g, a, a, gis, g, gis. Plurfoje sinsekve mi aŭdis ĉi tiun takton, dume la okuloj fiksiĝis sur mi. Strangan senton vekis en mi ĉi tiuj sonoj: ili kvazaŭ alparolis min en nekonata lingvo, kiu ne havas tekston. Mirante mi staris tie, poste mi apertis la buŝon kaj kelkfoje provadis mallerte, fine mi sukcesis proksimume ĝuste ripeti la sonojn. En tiu ĉi momento la muziko ĉesis, la maŝino haltis, strečinte sin kaj kvazaŭ min observante. Pli laŭte mi ripetis la sonojn. La maŝino nun muzikis tri aliajn muziknotojn, ankaŭ ilin mi postkantis. Nun alia brako etendiĝis al mi kaj palpadis min. Poste ĉi tiu ludo ankoraŭ kelkfoje ripetiĝis kun aliaj muziknotoj. Subite mi aŭdis susuron, la flugiloj ekmuĝis, aerfluo ekbatis mian vangon kaj en la sekvinta momento leviĝis la maŝino, kelkfoje ĝi rondflugis super mia kapo, poste ĝi direktis sin al la rivero, leviĝis, malkreskis, fine malaperis super la arbaro. Duonsvene mi staris tie dum kelkaj minutoj, poste mi ĉirkaŭrigardis.

Delikata herbo kovris la lokon, kie mi staris, sub ĝi ia tre mola, ŝlima grundo. Nun subite akre traboris mian cerbon mia malesperiga situacio, mi estas en nekonata loko, mi diris al mi, kie mi perdiĝos senkonsile kaj senpove, ĉar mi ne scias, ĉu ĝi estas malamika teritorio aŭ kamarada. Krome ankaŭ la sorto de miaj kamaradoj maltrankviligis min, mi ne povis esti certa, ĉu iu ne rifuĝis de sur la Bulwark kaj ne donos sciigon pri tio, ke mi kaj la ŝipestro forlasis per aeroplano la dronantan ŝipon; ĉi-okaze oni verŝajne eldonos arest-cirkuleron kontraŭ mi kaj se mi ne anoncos min, oni deklaros min dizertulo kaj starigos min antaŭ milittribunalon.

Poste mi ree rezonadis: kie estas tiel perfektaj maŝinoj, tie la homoj estas certe eksterordinare maturmensaj kaj ili komprenos mian mizeran situacion. Mi nur ne sciis, kie mi trovos tiun urbon aŭ tendaron, de kie ĉi tiu aeroplano devenas: mi vidis klare, ke mi ne venis en Germanlandon, ĉar niaj bonegaj spionoj certe estus raportintaj, se la malamika armeo posedus ĉispecajn maŝinojn. Do mi konfidis min al mia sorto, miajn armilojn mi metis sur la herbon kaj mi pretigis mian poŝtukon, por povi kapitulaci se okaze mi estas sur malamika teritorio, en la senco de la haga konvencio, al tiu, kiun unuafoje mi renkontos.

Poste mi ekiris singarde al la rivero, ofte ĉirkaŭrigardante, sed ne ekvidante eĉ solan vivantan animon. Senmalhelpe mi transiris la ponton kaj mi decidis iri sur la blanka vojo al la direkto de l' arbaro, mi proksimiĝis al la plej proksima arbogrupo, kiu staris sur la rando de l' aleo. Subite mi repuŝiĝis ektiminte kaj nevole mi kaptis al mia poŝtuko. Por momento ŝajnis, ke la arbo, kiu staris plej proksime al mi, eĉ ne estas arbo, sed vivanta estaĵo. Tiel, el dudekpaŝa malproksimo, mi klare povis vidi ĝian tutan figuron, sendube ĝi estis homforma, kvankam ĝi aspektis eksterordinare nekutima. Anstataŭ haŭto, ĝian korpon kovris bruna krusto, ĝiaj du piedoj radikiĝis en la teron, kaj inter ĝiaj etenditaj brakoj strangaj folioj formis folitendon super ĝia kapo. La kapo estis dika kaj malalta, la bruna krustvizaĝo estis turnita al mi. Rekonsciiĝinte el mia surprizo, mi kredis kompreni, ke mi staras antaŭ stranga statuo, aŭ ia ŝerca kreaĵo de l' ĝardenistarto: certe ĝi estas arbo kreskigita laŭ homformo, stranga specialaĵo de ĉi tiu regiono. Kun plifacila animo mi proksimiĝis al la stranga kreskaĵo kaj palpadis ĝin. Jes, ĝi estis ja krusto, sed pli mola ol tiu de ordinaraj arboj, rozkolora suko fluetis el ĝi post mia ektuŝo. Refoje mi ektremis iom, k'am la arbo ekbaraktis, eĉ mi retiris min, sed poste mi trankviliĝis. Mi vidis, ke la du piedformaj radikoj preme kroĉiĝis al la tero kaj ne povas moviĝi. Tamen la tuto estis homforma, mi ripetas, eĉ la vizaĝtrajtoj estis diveneblaj: la okuloj estis tre kavaj kaj humidaj, sed la nazo preskaŭ regula kaj la surkreskita buŝo malsuprenkurbiĝis duflanke en ia deprima, amara trajto. Ĉetere estis en ĉi tiu arbovizaĝo ankaŭ io senfine trista, malespera, nevole mi rememoris pri la ensorĉita vagulo de l' fabeloj. Kiam mi kliniĝis pli proksimen, mi vidis mire, ke la buŝo konvulsias, kvazaŭ ĝi volus diri ion, nekompreneblan kompato premis mian koron kaj pro mia doloro mi ekkriis laŭte. Responde en la interno de l' arbo estiĝis orelinsulta, surda krako, la etenditaj brakoj sinstreĉe konvulsiis, poste la arbo ree trankviliĝis. Mi ne sciis al mi klarigi mian subitan nekompreneblan deprimon, sed mi sentis, ke mi ne povus aŭskulti ankoraŭ unufoje tiun malplenan, kavresonan krakon. Rapide mi turnis min kaj foriris de tie, tiam mi rimarkis mire, ke ankaŭ la ceteraj arboj similas al tiu ĉi: pli kaj malpli grandaj homarboj, kun etenditaj brakoj kaj kun amara, maljuna vizaĝo. Mi fartis tre malbone kaj rapidigis miajn paŝojn, mi ne ĉirkaŭrigardis, sed ŝajnis al mi, ke la tutan aleon, kiun mi trairis, formas tiaj arboj.

Poste la arboj postrestis kaj vojo surŝutita per delikata, blanka polvo zigzagis antaŭ mi; refoje min kaptis la stranga memoro, ke foje, en sonĝo, mi jam iris ĉi tie.

Ĉe la renkontiĝo de la arbaro kaj la vojo, kiel mi tion rekonis jam el malproksimo, vere staris triumfarko, kiu volbis alte super mia kapo. Rekuraĝiĝinte mi ekspiris, vidante, ke ĉi tiuj arboj ne plu estas homformaj: estas vere, ke mi ankoraŭ ne vidis eĉ tiajn arbojn: abundkreska branĉaro de karnaj, preskaŭ rondformaj folioj mallumigis la vojon, kvazaŭ ĉiu folio estus opa frukto. Nun jam vere mi estis en embaraso kaj mi komencis timi, ke tamen mi nur sonĝas; la vojo tra l' arbaro estis malluma, mi timis, ke mi devojiĝos. Maltrankvile mi ĉirkaŭrigardadis, tiam tra mallarĝa fendo refoje mi ekvidis la sunlumon kaj rapide mi iris en tiu direkto. Post kelkaj minutoj mi elvenis el la arbaro kaj duonblindiĝinte mi kaptis al miaj okuloj.

Aperis giganta, regulforma altano. Pompa ŝtuparo, konstruita el ruĝaj ŝtonoj, kondukis al la fono, kie monumenta konstruaĵo fermis la horizonton. La ŝtuparo kondukis al la frontpordego de ĉi tiu konstruaĵo, ĝi estis grandega, apertita pordego, apenaŭ pli malalta ol kvardek metroj. La tuta fronto estis ununura, duoncirkloforma muro, duflanke monumentaj kolonoj: neniam mi vidis pli grandiozan, pli imponan ĉefverkon de la konstruarto. Sed en la unua momento mian atenton eĉ plie altiris, ke du figuroj estis antaŭ la pordego, forme kaj grande perfekte similaj al tiu maŝino, kiu min portis ĉi tien.

*(Daŭrigota)* El la hungara: *L. Totsche.*

# Hungara Antologio

— G. Waringhien —

La konkero de la naciaj literaturoj fare de Esperanto daŭras: jen la kvina antologio, kiu prezentiĝis al la scivolemo de la beletramantoj. De nun, apud la belga, bulgara, estona kaj kataluna literaturo ankaŭ la hungara estas malfermita al la simplaj esperantistoj, mi intencas diri al tiuj, kiuj scipovas nur, krom sia patra lingvo, Esperanton. Kaj tio estas ja tre grava fakto, kiun oni ne povas tro emfazi: por ĉiu el ni Esp-o fariĝas pli kaj pli utila instrumento, kiu grandigas nian povon kaj multigas niajn kapablojn; ne ludilo aŭ distraĵo, sed laborilo kaj profitebleco. Ne temas plu nun pri tiuj skeletaj »plaquettes« kiuj svarmis antaŭ la milito; temas pri dikaj volumoj, bele presitaj, zorge kaj konscience kompilitaj, kiuj celas liveri klaran kaj kompletan informaron pri ia nacia literaturo — kaj oni devas konfesi, ke ili atingas sian celon. Verkoj kiel la Belga, Hungara kaj Kataluna Antologioj estas ne nur riĉiĝoj por Esp-o, sed valoraj sciencaĵoj, kies ekvivalentojn oni eĉ ne povus trovi en ĉiu nacia lingvo: nenio simila ekzistas, ekzemple, ĝis nun en la franca pri hungara, kataluna aŭ bulgara literaturoj. Esp-o similiĝas al tiu fea ŝlosilo en la fabeloj de la Mil kaj Unu Noktoj; al la fremdulo blinde vaganta en la mistera kastelo ĝi apertas multajn ĉambrojn, plenajn je nekonataj trezoroj, antaŭ kies brilego li haltas kaj miras...

Unu el la plej multekostaj inter tiuj trezoroj estas sendiskute la hungara literaturo; kaj ĝi estas ankaŭ unu el la malplej konataj. Ŝirmata kontraŭ ĉiuj scivoloj per la almenaŭ ŝajna strangeco de sia lingvo, ĝi restis longtempe por multaj eŭropanoj ia »terra incognita« — kaj eĉ hodiaŭ, kiam la politiko metis la hungaran popolon en plenan lumon, tre malfacile povas franco informiĝi



Lux: *Nudo*

pri la maniero, kiel ĝi pensas, sentas kaj prezentas al si la mondon, unuvorte pri ĉio, kion esprimas la literaturo de iu ajn nacio kaj speciale la poezia parto de tiu literaturo. Kaj ĝuste, la poezio estas en la hungara literaturo la ĉefa kaj nepre koninda peco. Sed, laŭ ĉies scio, la poezio estas la malplej facile transŝanĝebla valoraĵo de lingvo; ĉar ĝi esprimas plej funde kaj esence la internan sentaron de popolo, ĝi malplej obeeme akceptas vesti sin per la vortoj de fremda lingvo, elpaŝi laŭ la ritmo de fremda muziko. Ĝi estas kvazaŭ fabela likvoro, kiun oni ne povus transverŝi sen vaporiĝo de ties plej subtila kaj karakteriza suko. H. Heine diris iam, ke la ideo pri tradukita poezio efikas al li kiel la penso pri pajloŝtopita lun-klaro. Feliĉe tiu obstaklo ne estas absolute neevenkebla, precipe se oni disponas pri tre fleksebla kaj riĉa lingvo, kia estas Esp-o, kaj se la tradukistoj funde posedas kaj inde uzas ties eblojn. Pri tiu dua kondiĉo la nomoj de la kunlaborintoj, K. Kalocsay por la plej granda parto, F. Szilágyi por 10 poemoj kaj J. Baghy por 1, certigas pri la perfekteco de la verkado. Malofte nia lingvo kantis kaj sonoris pli draste, pli pompe, pli delikate ol en tiu ĉi libro. Strofoj kiel la sekvantaj estas puraj juveloj, veraj rekreaĵoj:

En la lulo, mola lulo,
rozburĝono, fil', etulo,
dormu mieldolĉe!
Kisi buŝon ĉi gracian,
kiel kisi patron vian,
estas tiel dolĉe!

aŭ:

Minuta plac', dumkisa pont'.
La vitrojn vintro tuŝas.
Fenestre florojn formas frost'
kaj trans la arĝentflora bosk'
la urbo dorme kuŝas... (Kalocsay)

Jen du de Szilágyi:

Poste, kiam tempo venas,
kaj maturo mia plenas,
fali fine senkonscia,
de l' vivarbo sekfolia,

kaj en nekonata tombo
endormiĝi sub branĉombro,
plu nenion voli por mi,
nur ripozi, dormi, dormi...

Jen alia, same bela, de Baghy:

Pen' kaj ŝvit' maŝinon nutras.
Siblas silk': ni kudras, kudras.
Uf! Uf! Urĝas
pan' por ido.
Uf! Uf! Skurĝas
luksavido.
Ĝis kurbiĝ' ni kline kudras...

Laŭ mia sperto estas pli malfacile traduki poemon el sia patrina lingvo ol el iu fremda: ĉar oni sentas tro plene la sonoron de la naciaj vortoj, oni volus traduki ĉiun detalon, redoni ĉiun nuancon kaj oni tre malfacile povas elekti inter tiom da belaĵoj, kiuj ŝajnas ĉiuj egale admirindaj. Fremduloj, se ili bone scipovas la lingvon, havas pli ĝustan perspektivon kaj pli lerte kribras el poemo la rezignotajn partojn; ĉar la ofero estas al ili malpli dol-

ora, la viktimoj estas ĝenerale pli taŭge elektitaj. Sed en ĉi tuta poemaro, tradukita nur de hungaroj, tiu ĝeno preskaŭ neniam aperas; al ĝi mi atribuus nur la dubsencon de la sekvantaj versoj:

Jen li aŭdas: antaŭ mort'
estas lia kara... (p. 67)
Mian karan tamen mi ne donus... (p. 68)

en kiuj nenio avertas, ke »mia kara« montras amatinon; probable la originalo estas tiel klara, ke ne venis al la penso de la tradukinto, ke la esp-a adjektivo povas tiel bone montri viron kiel inon.

El la 28 poetoj, kiuj estas tie ĉi prezentitaj al ni per unu aŭ pluraj pecoj, min impresis precipe tri, Petőfi, Ady kaj Babits, kiujn mi opinias egalaj al la plej grandaj en alia ajn literaturo; Petőfi, la romantikulo en sia plej verda kaj freŝa juneco, Ady kaj Babits la modernuloj, Ady pli revema, Babits pli riĉsanga temperamento, sed ambaŭ tragikaj, dolorkantaj poetoj. Cetere, pli ol alia literaturo, la hungara ellasas melankolion kaj malgajon; kaj unu el la kaŭzoj estas eble la frua morto de multaj hungaraj poetoj, falintaj jen sub la malsano, jen sub la fatalo: el la 13 cititaj poetoj, kiuj estas nun mortintaj, nur 5 transpasis la 50-an jaron, kaj 4 eĉ ne atingis la 40-an. Tiu speciala granda morteco klariĝas eble per la pli impresebla, delikata temperamento de la hungara raso? Sed mi havas neniun dokumenton, kaj timas riski aventuremajn hipotezojn.

En Sándor Petőfi (pr. ŝandor petefi), kiu vivis de 1825 ĝis nur 1849, ni trovas la ĉefajn temojn de la romantikismo esprimitajn per ŝaŭmanta vervo kaj ŝprucanta stilo, la senkaŭzan melankolion:

... Muta mondo. Sonas nur vespera
sonorilo el la malproksim'.
Fore, kvazaŭ el ĉiel' ĝi venus,
aŭ el dolĉa sonĝo de l' anim'.

Mi aŭskultas. Ĝia reva voĉo
tuŝas min per dolĉa harmoni'.
Dio scias, kie pensoj vagas,
Dio scias, kion sentas mi. (Vesperiĝo, p. 82)

la fidon al la naturo

... Lasu ĝin pace per kant' sonorigi la gloron de Dio,
gloron de bona Natur': sankta komuna patrin'.
(Arbeto al Ventego, p. 86)

la kredon je la popolgvida rolo de l' poetoj:

Ni en dezerto migras, kiel
Moseo kun la judnaci'.
Kolonon flaman ili sekvis,
senditan de la granda Di'.
Nuntempe, kiel flamkolonojn,
poetojn donis Dia man',
ke ili gvidu la popolojn
el la dezert', al Kanaan'...
(La poetoj de la XIX jarcento, p. 77)

la amon al la libero, eĉ malkomforta, eĉ dolora:

Ni frostas kaj malsatas,
hurlante pro l' mizer',
kun kuglo en la flank' — sed
ni vivas en liber'!
(Kanto de lupoj, en Eterna Bukedo, p. 182)

tiu libero, por kiu, per ia profeta sento, li deziregis morti:

Jen estu mia fal'
sur kampo de batal'!
Korsang' mia juna ĉi tie elfluu,
la lastan jubilon de l' brust' superbruu
la arda tumulto, la tinto de ŝtal',
tondrado kanona, trumpeta signal'.
Tra l' membroj rigidaj
ĉevaloj rapidaj
spirege galopu al venk' akirita,
kaj tie min lasu de hufoj ŝirita.
Trovita tie estu mia rest',
se venos granda enteriga fest',
kaj oni kun funebra marŝ' muzika,
kun vualitaj flagoj, en unika
komuna tombo donos al la tero
martirojn viajn, sankta Mondlibero! (p. 75)



K. Kernstok *Hejmeniranta ŝafaro*

kaj por kiu efektive li mortis, 24 jara, antaŭ Segesvár. En la tradukitaj poemoj iun influon aparte mi rekonis, tiun de Heine, kiun Petőfi speciale ŝatis. De li li lernis la arton lumigi penson per sugesta bildo, kaj enfermi ĝin en mallonga poemo, kiel en malvasta juvelujo. Pecoj, kiel la sekvantaj, estas karakterizaj laŭ tiu vidpunkto, kvankam mankas plejofte en ili tiu amar-ironia piko, kiu sin kaŝas en preskaŭ ĉiuj poemoj de la germana poeto; legu ekzemple »Rememoro«:

Ho rememor'!
El nia ŝipo lasta rubtabulo,
kiun kverel' de vento kaj ondrulo
sur bordon ĵetas for. (p. 74)

aŭ »Malĝojo«:

Malĝojo? Ocean' giganta.
Kaj ĝojo?
Perleto en ĝi. Mi suprenportanta
ĝin eble rompos dum la vojo. (p. 74)

aŭ tiu ĉarma poemo, kun la neatendita kaj tamen tiel naiva fino:

Jen, ŝafisto sur azen'.
Plandoj tuŝas teron.
Granda hom', li havas pli
grandan korsuferon.
Ŝalmis, ŝafojn paŝtis li
sur montet' kampara,
jen, li aŭdis: antaŭ mort'
estas lia kara.
Sur azenon saltis li,
rajde alrapidis,
sed malfrue venis: jam
nur kadavron vidis.
Kion nun li povis ja
fari en ĉagreno?
Per baston' li frapis la
kapon de l' azeno. (p. 67)

Endre Ady (pr. endre adi) pasigis parton de sia junaĝo en Parizo, je la momento, kiam ekfloris la »simbolista« movado kaj li ricevis de ĝi neforigeblan stampon: en multaj el liaj poemoj oni retrovas tiun atmosferon de premiteco kaj angoro, kiu signas la unuajn poemojn de Tristan Corbière, Arthur Rimbaud, Henri de Régnier, Emile Verhaeren ktp. La tri verkoj de tiu lasta — »La Vesperoj«, »La Nigraj Torĉoj«, »La Malvenkegoj« — estas tre karakterizaj de tiu unua simbolismo; simila n inspiron (mi ne volas, kompreneble, paroli pri imito: Ady estas sufiĉe granda por atingi la belon imitante neniun) oni sentas en kelkaj tie ĉi cititaj poemoj, kiel la »Batalo kun la Grandsinjoro«:

Min murdos, sciis mi, min murdos
la porko-kapa Grandsinjor'.
Rigide sidis kaj rikane,
sur or' li sidis, sur la or'...
— — — — — — — — —
Vesperoj pasis, mil vesperoj.
Sang' mia falas flue for.
De fore oni vokas, logas.
Kaj ni nur luktas kun rigor':
Mi kaj pork-kapa Gransinjor'. (p. 112)

En la sekvantaj ankaŭ oni retrovas la simbolisman procedon de aludo al malhelkonturaj aperoj, sonĝe nebulaj bildoj, kies signifon oni sentas pli ol oni konceptas:

Staris borde mil virinoj,
kun tuketoj, kun bukedoj,
ili ploris, manosignis,
mi — jubilis en la ŝip'.

Vesperiĝis. En nebulo
staris borde mil virinoj.
Sed ankoraŭ flirtis tukoj,
sed ankoraŭ falis flor'.

Nokto venis, nigris kiel
la Pasinto kaj la Venĝo.
Staris borde mil virinoj,
kaj mi ploris en la ŝip',

ĉar nenion mi plu vidis,
nek tuketon, nek bukedon...
Ho, ĉu estis nur fabelo:
staris borde mil virinoj... (p. 119)

Generala, malpreciza impreso pri forlasiĝo, pri nejusta malfeliĉo, pri obsedanta sortkondamno eliĝas el tiuj melankoliaj poemoj — tiom pli emociveka, ke ilia signifo ne estas racie malvastigita ĉe unu individua okazajo.

Dolore estas esti homo

li diras, en »Admono al Gardantoj«, kaj tiu penso estas la ĉefa moto de lia verko. Tamen kelkfoje montriĝas ia pli serena, trankviliĝinta animstato:

Ne Pariz'. Vilaĝsilento.
Riveret'. Odoraj floroj.
Abelzum'. Kaj sub tili'
rideganta infanar'.
Okulvitroj. Aposeĝo...

Dum vesper' el man' maljuna
rancan libron mi faligus.
Supre brilas la ĉiel'.
Huŝ! jam dormi, infanar'!
Nun rigardos avo stelojn...

En la sankta, granda nokto
el animo paca flugus
puraj, virgaj, fortaj kaj
ter-odoraj pensoj. Mi
sendus ilin en la mondon. (p. 116)

Sed tiu paco de maljuniĝo ne atingas tamen ĝis la korlumiga ĝojo, kaj la poeto ankoraŭ petegas pri la rido:

Ho, sankta Dio de la Rido,
min kial, kial vi evitas?...
Sinjor', malsatas mi la gajon... (p. 117)

Turmenta animo, balanciĝanta inter la malespero kaj la fido al ia ebla feliĉo por la individuo kaj la societo, Endre Ady estas granda poeto, unu el tiuj, kiuj parolas rekte al la koro.

Sed kiel ajn patosa estas Ady, pli tuŝas min la tonoj de Mihály Babits (pr. mihaj babiĉ); ne, eble, ĉar li estas pli granda, sed ĉar lia lingvo ŝajnas al mi pli drasta, pli sukplena. Unu el la grandaj francaj verkistoj, Th. Gautier, diris iam: »Tio, en kio konsistas mia forto, estas, ke mi estas homo, por kiu la ekstera mondo ekzistas.« Nu, mi havas la impreson, ke la ekstera mondo ekzistas pli por Babits ol por Ady, ludas por li pli gravan rolon en la vivo. Scenojn, rapide sed elvoke skizitajn, kiel tiuj ĉi, ni ne trovus en la Ady-poemaro:

... Tiam, la vivo kien ajn vin gvidu,
aŭ hejme, en la bruna ĉambro sidu,
aŭ en kafejo gapu apud glaso
ekbrulon vican de l' sunluma gaso,...
aŭ kun vi sur la polva vojo landa
veturu la koĉero duondorma... (p. 131)

# El la ĉifonujo

— W. B. Johnson —

Ĉe ŝparema dommastrino troveblas ne malofte ia saketo aŭ korbo, en kiu ŝi konservas ŝtofopecojn. Nehavante apudmane mastruman fakvortaron, mi ĝin baptis: la ĉifonujo. Kiam ŝi faras ajnan veston aŭ hejman tolajon, anstataŭ forjeti la ŝtofreston, ŝi gardas almenaŭ la pli grandajn pecojn en tiu ĉifonujo. Kun paso de tempo kolektiĝas tie ŝtofoj ĉiuspecaj — el kretono, silko, drapo, tolo — multkolora ĉifamaso. kaj kvankam ili aparte utilos por fliklaboroj kaj multo krome, tamen ili neniel utilus kunkudrite.

Ekrigardo en mian menson malkaŝas enhavon, similan al tiu de la hejma ĉifonujo — diversan kolekton da pensoĉifonoj — grizaj, rozaj, nigraj, ruĝaj. Kaj kvankam ili aparte utilas por fliki konversaciajn truojn, tamen oni ne povus kunkudri ilin je harmonia tutaĵo. Sekvas, ke anstataŭ klere artikoli, mi devas simple babili pri kelkaj specimenoj el mia ĉifonujo:

*Ŝako.*

Imagu, ke en la mezo de iom granda ĉambro sidas du homoj ĉe ŝaktabulo. Ĉirkaŭ ili estas rondo da observantoj, kiuj scias nenion pri la reguloj kaj celo de la komplika ludo; kaj estas neniu, kiu tion klarigus al ili. Tamen ili esperas, ke metoda observado kaj rezonado iom post iom instruos al ili, kion signifas la ludado kaj kiuj estas ĝiaj leĝoj. Unu post unu forlasas la rondon, pretekstante: »ion pli farindan«, aliaj tedite endormiĝas, sed kelkaj persistas longajn, longajn horojn, teorias kaj argumentas inter si, ĝis fine ili sukcesas ellabori kelkan komprenon pri la enigma ludbatalo — kvankam neniu klarigis al ili ion ajn.

Ĉu tiu imago bildas ian aspekton de la vivo mem, kiu ludiĝas antaŭ ni kaj kiun nenio »supernature« klarigas? Multaj ne disponas tempon por ĝia »signifo« — se iun ĝi fakte havas. — Necesas ĉasi ion pli urĝan — vivpanon, sekurecon, karieron, amuzon. Aliaj indiferente rezignas pri signifoj; sed la plej esploremaj spiritoj finfine ion klarigas al si, plenigante la bibliotekojn de la mondo per siaj skriboj pri religio, scienco, arto kaj filozofio.

*Ĉe la lasta Juĝo.*

Amuzas min fantazii, ke eble en tiu Tago okazos sceno en simila biblioteka ĉambrego, sur kies muroj loĝas la milionkapaj teorioj. Tien la Eternulo kunvokos ĉiujn aŭtorojn de tiuj viv- kaj mortproblemaj verkoj, kaj tie ili sidos, formante amfiteatran deklivon da ekscititaj kapoj. Kaj meze stariĝos por paroli la Eternulo kun dolĉamara rideto: »Sinjoroj, vi pasigis viajn vivjarojn, serĉante la signifon de la vivo kaj ĝiajn leĝojn. Vi surskribis montojn da papero per maroj da inko. Vi interbatalis fanatike, verŝante sangon, fremdan kaj propran, por defendi viajn konceptojn. Nun, aŭskultu, kaj mi solvos la ĉefenigmon.« — Kaj tuj, eble per simpla frazo, Li kristaligos por ili la signifon de la tuta vivbatalo. Tiam ridegos ĉiuj, pensante, kiom da vortoj, kiom da jaroj kaj kiom da sango forfluis pro problemo, kies solvo finfine montriĝis tiom simpla — sed en la ridego aŭdiĝos io amara.

*Problemoj.*

Jen vi havis nur fantaziojn, sed ĉu ne estas interese, ke problemoj tiel incitas la homojn? Kio instigas nin

---

Jam vesperiĝas; la placojn aŭtoj
sagfluge traboras per flamo en lakte
griza aero; fiakristo traflosas,
etendas vipon, kvazaŭ maston; fajrovundoj
ekbrulas, kiel skafandro-lampoj sub akvo;
virinetoj pretersusuras, etaj fiŝetoj, per flirto
rapideme . . . (p. 136)

Same, kvankam en alia tono, unikaj ŝajnas al mi en la hungara literaturo la spiro kaj la inspiro de la liberversoj de »la Danaidinoj«:

Sube, en submond' silenta, mond' malĝoja kaj senventa,
inter asfodeloj, kie asfodel' eĉ ne moviĝas, funebrarb' ne branĉbalancas, nek petal' papava falas, ĉar la vento tie dormas, kuŝas liton asfodelan, svene kuŝas en silent',
kie lagoj ŝtalspegule kaj senmove sin elsternas, sin palpebroj baldaŭ fermas, ĉar palpebrojn ventumante, ŝaŭmkrispige, vekzumante ne iradas tie vent',
en amforojn vaste vastajn, en amforojn alabastrajn kvindek ombroj, kulpaj ombroj, sveltan vazon enmergante, jen mergante, jen verŝante, kvindek damnaj virinombroj por eterne verŝas plu,
kvindek damnaj ombroj palaj verŝas, verŝas al fatalaj alabastraj vazoj vastaj vane sian karan sukon, la neniam sufiĉantan sukon el la Lethe-flu . . .

La tono, la etoso de tiu senkompara poemo memorigas pri Poe kaj lia »Korvo«, sed restas tamen tute originala kaj »babiĉa«. Jes, vere granda kaj eksterkutime logsorĉa estas ĉi tiu poezio. Kaj mi ne estas la sola en mia opinio; mi povas ja erari, sed diversaj simptomoj kredigas al mi, ke ankaŭ Kalocsay dividas kun mi tiun preferan ŝaton al Babits. (1)

Limigite per la tempo kaj la spaco, mi ne parolis pri multaj aliaj poetoj, kiuj, sendube, ne valoras tiujn ĉi tri, sed el kies verko tamen multaj pecoj estas legindaj kaj ofte admirindaj. Mi petas senkulpigon de la legantoj kaj precipe de miaj hungaraj samideanoj pri la skizeco kaj nekompleteco de la supraj konsideroj; mi nur intencis rapide montri, kiel kaj kial grandaj hungaraj poetoj impresas malproksiman okcidentanon. Mi probable kulpis pli ol unu eraron, ĉar fremdlingvanoj neniam havas saman guston kaj egalan komprenĝuston pri ia literaturo, kiel la landidoj mem. Sed mi penis esti kiel eble plej sincera, kaj ankaŭ tio ja valoras.

En la fino de tiu artikolo mi parolos pri la dua parto de tiu riĉega antologio, la hungara prozo.

(1) Mi ne povas detale nombri ĉiujn notindajojn de tia grandioza verko, kiel la H. A. Almenaŭ pri la versarto, mi volas ne forlasi verson, pri kiu mi ne parolis en la Parnasa Gvidlibro, ĉar ne ekzistis ankoraŭ tiumomente trafaj ekzemploj de ties uzado; ĝi estas sesjambo, kun vira finaĵo kaj movebla cezuro (ina post la 5-a aŭ 7-a, vira post la 4-a aŭ 6-a silabo). Oni trovos ĝin tre bele uzita en la poemo de Babits »En arbara loĝejo«. Sed precipe tuŝis min ties grandefekta uzo en la sekvantaj strofoj de Petőfi:

Mia amo: mar' muĝanta,
sed per ondjet' giganta
ĝi nun ne frapas al la ter' kaj firmament'.
Ĝi dormas en trankvilo,
kiel en la lulilo
la infanet' post longa ploro kaj lament'.

Sur glata ond' spegula
en la boato lula
de l' milda rev' mi remas nun al flora val',
min de l' Estonto-rodo
salutas trila odo,
vi kantas, ho Esper', vi, kara najtingal'! (p. 68)

serĉi la solvojn? Se ili petole sin kaŝas, kiel stimule tio ekscitas niajn pensojn. Kaj la fina eltrovo — Eureka! kiel ni ĝojas. Sed kiam la serĉado estas tro longa, tro senfrukta, niaj pensoj baraktas turmentite. For, for! la problemon! Ŝajnas, ke la menso ne toleras en si problemojn nesolveblajn: estas nur la alternativo — solvi aŭ forgesi. Tiun elekton postulas, kredeble, nia nepra sopiro al

*Kompleteco.*

Korpe ni sopiras al sano, do al fiziologia kompleteco. Vundiĝu la mano, kaj tuj la riparbatalionoj en nia sango alkuros al sia tasko; kaj kio povus esti pli natura ol nia psika deziro al kompleteco, konsidere, ke ni vivas en mondo, kiu tiom avaras ĝin al ni?

Ĉiu spertis ĝojon pro hodiaŭe finita tasko, sed morgaŭ ĉiam kunportas ion plue farendan. Fino atingita montriĝas la komencpunkto de nova klopodo... La celo estas mortinta — vivu la celo! Ĉiam ni ien vojiras, kvazaŭ vojaĝantoj ĝis la morto; kaj ni eĉ ne scias, ĉu tio signas la finon. Ĉu poste sekvos io?

»Ĉu havos rekompencon nobla sino,
Kiun primokas pro sangfalo lia
Popol' malgrandanima?«

Anime ni eble rifuĝas al unu el la konvenciaj kredoj, kiuj promesas al ni postmortan kompletigon de la nuna vivo. Tiam ricevos bonulo kaj bandito laŭ sia merito, kaj ĉiu vojaĝinto scios, por kio li vojiris. — »Ĉar nun ni vidas per spegulo, malhele; sed tiam, okulon ĉe okulo; nun mi konas laŭparte, sed tiam mi konos same, kiel ankaŭ mi estos konata.«

Alian rifuĝejon donas la literaturo, en kies dramoj kaj romanoj la okazajoj progresas ĝis destinita fino. Ĉu feliĉa, ĉu malfeliĉa, tiu fino estu almenaŭ konkreta: la aŭtoro ne lasu sian publikon »en la aero«. Tiun »pekon« oni siatempe riproĉis al K. R. C. Sturmer pro lia »Por Recenzo«, plendante, ke ĝi estas nur fragmento de romano. Sed ankaŭ en la vivo mem ni konas nur fragmentojn. Jen kial ni emas religie aŭ literature rifuĝi en pli perfektan mondon, kie meritajo ne mankas post la ago, kie komencoj kondukas al netaj finoj kaj kie solvoj donas sencon al problemoj. Tia mondo evitigas al ni la suferon, kiu akompanas ĉiun senton pri nekompleteco.

*Sufero.*

La deziro eviti ĝin influas nian tutan voladon. Kiom tiu instinkto impulsas niajn ĉefajn klopodojn, pri tio apenaŭ necesas paroli. Ja la homo trapasas sian vivon kvazaŭ ĉasata leporo, forkurante de l' dolorhundoj — malriĉo, soleco, malsano, enuo, dubo, perplekso kaj ties frataĉoj.

Rilate simplajn ekzemplojn, nu: se mia babilado tedas vin, vi senlege foliumos plu, serĉante ion pli interesan. Malkresko de Esperanto-societo povas signifi, ke ĝiaj membroj sentas sin »pli feliĉaj« aliloke; kaj oni povas diri, ke la sekreto de la Ĉe-metoda populareco estas tio, ke ĝi nuligis lernodolorojn.

Kolektiva klopodo por eviti suferon evoluigis leĝojn, kiuj protektas la interesojn de tuta socio, aŭ de unu klaso; kaj la sama motivo diktas la neskribitajn regulojn de ĝentileco. Kion devas lerni plej frue la kompatinda infano? — Nome, ke ĝi ne agacu la nervojn de plenaĝuloj! Ne kriaĉi, nek tamburi per sia kulero sur la tablon, nek paroli per manĝoplena buŝo, kaj tiel plu senfine. Estas krimo agaci nervojn! Ĉu ne diris Schopenhaŭer tre bone, ke la homa socio similas al histrikoj, kiuj kunproksimiĝis por reciproka sinvarmigo? Estas eterna konflikto inter la socialaj necesoj kaj niaj individuaj dolorsentoj.

Estas interese kontrastigi la histrikojn de Schopenhaŭer kun la krokodiloj, priskribataj de J. C. Powys en verko, per kiu li defendas la ĝuamon, (»In Defence of Sensuality.«) Kiel dense ili kolektiĝas en siaj riveraj hejmoj, kuŝante flankon ĉe flanko kaj unu sur alia kvazaŭ kunŝovitaj arbotrunkoj! Tamen ĉiu el ili havas stulte flegman vizaĝesprimon, kvazaŭ ĝi estus la sola krokodilo en la mondo. Mirindaj bestoj! ili ne agacas la nervojn unuj de la aliaj. Kaj sekve ili ne bezonas observi komplikan regularon pri bonaj moroj.

*Idealismo.*

Ĉu eble ankaŭ ĝi estas unu el la la infanoj de sufero? Ekzemple, la idealisma inspiro de la Ligo de Nacioj, ĉu ĝi ne fontis el deziro eviti novan katastrofon? Mi diris intence: »La idealisma inspiro«. Kiel la idealo ĉiam fuŝiĝas en la praktiko, kiel la vivo kripligas ĝin, tio ne ĉi tie koncernas min. Ankaŭ la aŭtoro de Esperanto konfesis, ke la lingvo naskiĝis el lia »doloro pro la mondo«.

Freud opiniis, ke la homo estas plene kontenta nur kiel feto en la patrina korpo, kie li estas perfekte adaptita al sia ĉirkaŭajo; sed ekde naskiĝo komenciĝas lia ĝismorta milito kontraŭ medio fremda kaj suferiga, kaj la konkretaj rezultatoj de liaj bataloj kaj rifuĝoj estas Civilizo kaj Kulturo.

Tamen oni ofte emas envii la dikan haŭton de la feliĉa krokodilo.

## Febro

**— Ludoviko Totsche —**

*Denove min vizitis ĉi-vespere*
*la febro. Nu, ne la fantom' longunga,*
*herold' malĝojovesta de sinjoro*
*pli granda kaj pli nigra, sole lia*
*blondhara frat' pli juna, kies milda*
*konduto per agrabla frostotremo*
*tikladas la nervreton de la korpo;*
*subitaj varmatakoj ĝin sieĝas,*
*sed sammomente iĝas nesufiĉaj*
*kovriloj la vestaro kaj la haŭto,*
*kaj nuda sentas sin la trema korpo,*
*kun nud' senpova de la novnaskito:*
*tiel ekfrostas la anim' de tiu,*
*kiun forlasis la brakum' ŝirmanta*
*de am' patrina kaj naskiĝas li*
*(ho, ve, dolora dua vivkomenco!)*
*kun ploro vibra, nud' terura al*
*ĉi mondo frosta. (Larmoj gardostaras*
*ambaŭ naskiĝojn: ĝojan kaj funebran.)*

*Rapide en la liton! Ĝis oreloj*
*mi tiras la kovrilon, miaj dentoj*
*ekklakas kun ost-sona melodio,*
*miaj poltronaj manoj ne kuraĝas*
*etendi sin el rifuĝej' lanuga*
*por preni libron de sur nokta ŝranko.*
*La lito malrapide trafajriĝas*
*de mia korpo brula kaj la febro*
*okupas sangon kun triumfo bola.*

*Kaj dum grincado denta mi babilas*
*al mia vivkunul', la korpo, jene:*
*»Nur flamu sango, dum vi flami povas,*
*nur marŝu koro, dum vi marŝi povas,*
*suferu, dum vi povas, orfa karno,*
*ja via ardo trankviliĝos foje,*
*foriros febro-gasto kaj tero*
*per lip' humida kisos vin malvarma.«*

# MIA ANGULO

— JULIO BAGHY —

## Impresoj dum kaj post enketo

*La homa vivo estas kvarfaza. En ĝi estas distingeblaj la periodoj de Kredo, Scio, Neado kaj Forgeso. Hodiaŭ li neas tion, kion hieraŭ li jam sciis kaj antaŭhieraŭ nur kredis, sed ofte okazas, ke morgaŭ li forgesos ĉion, kion li kredis, sciis, poste neis vivbeliga celo.*

*Tiajn pensojn vekis en mi impresoj de enketo, antaŭnelonge okazinta. Mi ne estas entuziasma adepto de tiaj enketoj, kie regas harmonia konsento aŭ unuflanka scio kontraŭ diskutanta malkono. En la unua kazo la enketo estas morte naskita; en la dua ĝi dronas en simpla propagando. Mi preferas tiujn diskutojn, kie la sukceson de la enketo certigas kaj kolorigas la profunda kono de la temo, pritraktata kaj kontraŭbatalata de diversaj mondperceptoj. Tiaj enketoj fekundigas la intelekton kaj produktas novajn pensojn, liveras ofte tute surprizajn argumentojn, el vidpunktoj antipodaj.*

*Antaŭnelonge okazis enketo, prezidata de* Frederiko Karinthy, *fama hungara poeto-verkisto, kiu estas laŭkora amiko de nia movado. Dank' al liaj populareco kaj amikaj interrilatoj oni povis aŭdi la opinion de kelkaj eminentaj famuloj pri Esperanto. La prezidanto verve pledis por ĝi kaj la plimulto de la invititaj kontraŭuloj konfesis plenan simpation al la movado kaj fidon pri la estonteco de la lingvo Esperanto. Do la kontraŭuloj varbitaj simple elŝeliĝis el la lupofelo por montri sin* samideanoj, *kvankam* ne samlingvanoj. *Ni, esperantistoj, iom embarasite bombardis ilin per argumentoj tre konataj eĉ de la suĉinfanaj propagandistoj. Sed niaj eminentuloj kompatis nin kaj deklarinte, ke ili samopinias kun ni, tamen provos reprezenti la malamikan armeon. Kaj komenciĝis la kanonado per manovra municio kaj vole nevole mi memoris pri la revolucia sceno el mia romano HURA!, en kiu la mortintoj post mendita venko reviviĝas kaj pace hejmeniras.*

*Sincere konfesante mi havis konfuzan penson dum la enketo: jen kiom da simpatiantoj, kiom da konvinkiĝintaj amikoj por Esperanto kaj tamen ĝi estas kvazaŭ obstine prisilentata de ili, kiam ĝi estas atakata de aliaj eminentaj literaturistoj. Kial? Mi pensas, ke nia plej aktiva amiko* Karinthy *trafis la veron dirante: »Esperanto ne estas laŭmoda temo. Oni faru el ĝi modon kaj se eĉ unu racia argumento ne elokventus por ĝi, tamen ĝi venkos.« Bedaŭrinde li plene pravas... Kaj la enketo daŭre fluis, la manovra municio faris plaĉan piroteknikan ludon ĝis alveno de unu kaj sola serioza kontraŭulo. Li estis* Dezideriо Kosztolányi, *unu el la plej eminentaj poeto-verkistoj de la moderna hungara literaturo.*

*Lia parolado, saturita de vera konvinkiĝo, estis por mi arta ĝuo. Tiel verve, tiel klare kaj argumentriĉe li esprimis sian malsimpation al la* »artefaritaj lingvoj« *kaj tiel akre li lumigis ilin per reflektilo filologia, ke ĝi vekis admiron en mi kaj — firmigis mian fidon pri la estonteco, vivrajto de Esperanto. Li parolis pri* »artefaritaj lingvoj« *kaj pri* »praktika« *komunikado de pensoj kaj elokventis pri la animo de la vivantaj lingvoj. Mi konfesas, ke neniam mi vidis pliesprime paro'i la mienojn de niaj gesamideanoj ol dum lia kontraŭesperanta argumentado. Liaj vervo, sincereco kaj filologia argumentado estis rekompencata de tondra kaj* absolute *meritita aplaŭdado de la publiko.*

*Ankaŭ mi havis la honoron respondi al li kaj plene pravigante liajn filologiajn argumentojn mi klopodis pruvi ĝuste per filologiaj faktoj, ke Esperanto estas* vivanta *lingvo kaj ĝia* artefariteco *estas retrovebla pli malpli ankaŭ en kelkaj naciaj lingvoj kaj mi penadis demonstracie montri tiujn ecojn de Esperanto, kiuj rekte destinas ĝin por esti ne sole* »praktika« *sed ankaŭ* »anima« *esprimilo de la homo pere de la literaturo. Ĉe la fino de la enketo li faris jenan deklaron: »Mi venis kiel malamiko, sed antaŭ mia foriro mi devas konfesi, ke la faktoj kaj aŭditaj argumentoj igas min pripensi kaj revizii mian sintenadon...«*

*Ho, kiel mi ĝojis tiun vesperon! La gratuloj de miaj gesamideanoj ja sugestis al mi, ke mi havis ioman parton en la sukceso. Ni konvinkis seriozan kaj eminentan kontraŭulon, kiu publike konfesis, ke li ne plu konsideros nian lingvon* »kaŭĉuka kolumo« *aŭ* »senodora paperfloro«, *ĉar li vidas jam tiujn radikojn de la lingvo, kiuj el vivanta natura fonto nutras la arbon. Ho, kiel mi ĝojis tiun vesperon kaj kiel klare mi* spertis mian fiaskon *dum la posta vespero!*

*Jes, mi fiaskis, plene kaj fatale! La postan vesperon unu el niaj plej aktivaj kaj plej entuziasmaj samcelanoj diris rekte al miaj okuloj, ke mia argumentado vekis dubojn en li kaj se Esperanto estas vere tiel viva, tiel evolukapabla, kiel mi asertas kaj se la artefariteco de Esperanto estas eĉ nur iomete analoga al tiu de la naciaj lingvoj kaj se Esperanto pretendas havi propran literaturon, li estos devigata »revizii sian sintenadon...« Kaj kion diri? El certa vidpunkto li estas prava. Esperanto neniam deziru esti pli ol simpla* »praktika« *komunikilo, ĉar se la lingvo fariĝos celo por si mem, ĝi pereos. La tendenco »fari el ĝi literaturan lingvon« estas peko kontraŭ la originala celo de la lingvo. Ni neniam klopodu montri ĝin nutriĝanta el vivaj fontoj kaj ni forte akcentu ĝian artefaritecon. La originala literaturo nur povos malutili al la tuta movado. Jen la ĉefaj asertoj kaj tre elokvente argumentite ili ne nur surprizis min, sed ankaŭ igis min pripensi kaj revizii mian sintenadon...*

*De tiu ĉi fatala tago mi ofte pripensas kaj revizias. La rezulto estas iom kurioza. Mi aspiras dolore la morgaŭon;* la periodon de la forgeso. *Ne miru! Estas komike aŭ tragikomike, hodiaŭ mi havas momentojn, en kiuj mi neas tion, kion hieraŭ plenkonvinkita de faktoj mi sciis kaj pri kio iam mi reve kredis. Samcelano kaj samlingvano asertas, ke mi faris malbonan laboron por la movado kaj ne sole mi persone, sed ĉiu kulturanto de nia literaturo, ĉar ĝi donas celkonscion apartan al la samideanoj kaj kvazaŭ kreas novan homgrupon kun speciala nova spirito. Konsiderindaj asertoj. Kaj de tiam mi pripensas kaj revizias mian sintenadon, sed sen kontentiga rezulto.*

*Por mi la* »praktika« *komprenigilo en Esperanto rolas ne pli ol simpla gvidfrazaro de vojaĝantoj, en kiu pli malpli sukcese oni trovas frazojn bezonatajn por ricevi ĉambron en hotelo, manĝon en restoracio, ilustritajn*

---

## Forlasis min kara knabino

— Niŝimura Masao —

*Subite vi por ni aperas*
*En nian stagnantan medion,*
*Kometo ardanta kaj hela,*

*Kaj kiam vi supre fajreras,*
*Al astronomio pasion*
*Vi vekas, estaĵo ĉiela.*

*Planedoj vin vane konkuras,*
*Vi estas al ili supera*
*En brilo, mirindo kaj gloro:*

*Vi venas, brilegas kaj kuras*
*Sur via orbito mistera*
*En mondon trans nia esploro.*

*Vi kuras jam fore; la homo*
*Kaprice vin baldaŭ forgesas,*
*Rigardas al ter' kun miopo;*

*Maldorme nun mi, astronomo,*
*Vin sekvi, admiri ne ĉesas*
*Tra l' rosa okul-teleskopo.*

*poŝtkartojn en vendejoj. Por tiu ĉi* »praktika« *komprenigilo mi ne estus doninta la plej belajn jarojn kaj mi estas konvinkita, ke ĉiu lingvokulturanto konsentas kun mi, ke por* praktika *komprenigilo la homo estas riĉe dotita de la naturo per la voĉo, gestoj, mimiko, ploro kaj rido. Mi pensas, ke miaj kolegoj celas pleje* »animan« *komprenigilon fari el la lingvo kaj ĝi estos perfekta nur, se la lingvo perdos sian artefaritecon per la uzado kaj konstante nutros sin el vivaj elementoj. Kaj vane mi pripensas kaj vane mi revizias, mi devas senti, ke sen* »anima« *komprenigilo kaj sen konstanta kulturado, kiu celas* nur *la lingvon, mia amiko-samideano ne estus povinta esprimi siajn pensojn tiel bone kiel li faris tion en Esperanto.*

*Tamen la danĝero pri estiĝanta nova spirito kultura restas... Kion fari?*

# DISKUTO

KOMENTARIETO AL KOMENTARIO.

En L. M. Apr. 1933. p. 64, rubr. »Pri la bildoj« s-o K. B. skribis: »kvankam Rumanujo geografie apartenas al la Balkano«... Sed la limoj de la Balkana duoninsulo estas norde la Balkana montaro (laŭ kiu la duoninsulo estas nomata Balkana) kaj, sude, pintiĝante inter la maroj Adriatika kaj Egea, la maroj Marmara kaj Nigra. La Balkana montaro kuŝas en Jugoslavio (kontraŭ la B. montaro estas la Karpatoj ĉe la suda limo de Rumanio: inter la du montaroj fluas la Danubo; la recenzinto de L. M. verŝajne intermiksis la Karpatojn kun la Balkana montaro...), do tute ne en Rumanio, jen pro kio la aserto, ke Rumanio geografie apartenas al la Balkano, estas frapa eraro.

Estas vere, ke la pli frua historio de la malnovaj partoj de l' rumana reĝlando havas kunligon kun tiu de la balkanaj popoloj (ekz. regado de turkoj super la rumanoj — kiel ankaŭ super la hungaroj — greka subpremo, ktp.), tempo de sufero por la rumanoj, kiuj deziras forgesi tiun tristan epokon, kaj kies rigardo memkompreneble volonte direktiĝas al okcidento. Tamen estas erare aserti laŭ du bildoj, ke la tuta artista junularo edukiĝas en Parizo. (Jes: grandparte, eble eĉ plejparte.) Simile pri la kosmopoliteco. Estas pentristoj, kiujn oni eble povus juĝi laŭ kelkaj el iliaj pentrajoj kosmopolitaj, aliaj bildoj de la samaj tamen klare, eĉ akcente evidentigas la nacian karakteron. Objektiva kritikanto devas juĝi post konsidero de pluraj verkoj de la sama artisto. (Tipa ekzemplo estas la talenta juna pentristo Demian jen kun »parizaj«, jen kun tute hejmaj motivoj pure rumanaj.) Sed mi ne estas specialisto en la moderna pentrarto. Tial mi petos pli kompetentan amikon, eble verkiston Emil Isac, ĝenerala inspektoro de l' arto, reparoli pri tiu ĉi temo kaj disponigi al L. M. ankaŭ pli rumankarakterajn modernajn bildojn.

*Tiberio Morariu.*

LA LINGVOSCIO DE D-RO ZAMENHOF

Kiam mi eklegis la Malnovan Testamenton tradukitan de d-ro Zamenhof, jam ĉe la unuaj paĝoj min kaptis la bela traduko.

Mi ĝin komparis kun ĉiuj alilingvaj tradukoj, kiujn mi povis havi kaj kompreni, kaj ĉiam mi trovis, ke la Zamenhofa traduko estas fidela kaj fidinda kaj ofte multe pli bonstila: d-ro Zamenhof ne nur bonege redonis la sencon de la originalo, sed ofte ankaŭ ĝian »koloron«.

Estas do komprenebla mia miro, kiam, per la artikolo de s-ro R. Banham, mi lernis pri la severa juĝo de prof. Waringhien, okaze de tri versoj de la Eliro.

Mi unue volis bone koni la tradukotan tekston; tial mi min turnis al unu mia estimata amiko, profesoro de hebrea lingvo kaj literaturo ĉe la Universitato en Romo; kaj li kompleze transskribis por mi la hebrean tekston, aldonante laŭvortan tradukon, kiun mi retradukas esperanten:

»*Eliro,* 30.4: Kaj du ringojn [el] oro faru al ĝi, malsupre de krono ĝia, sur du lateroj ĝiaj; faru sur du flankoj ĝiaj: kaj ili estu kiel ingoj (laŭvorte: domoj) al stangoj, por porti ĝin per ĉi tiuj.«

»Eliro, 38.14—15: Kurtenoj [je] kvin [kaj] dek ulnoj al la latero, kolonoj iliaj tri kaj bazoj iliaj tri kaj al la latero dua, ambaŭflanke (laŭvorte: tie kaj tie) ĉe la pordo de la korto, kurtenoj [je] kvin [kaj] dek ulnoj, kolonoj iliaj tri kaj bazoj iliaj tri.«

Jen; kaj mi demandas al mi, kiel do oni postulas, ke el tio fariĝu io »meritanta esti pompe elmontrata, kiel ekzemplo de klasika literaturo«!

Ni legu nun la fidelan tradukon de d-ro Zamenhof:

»*Eliro,* 30.4: Kaj du orajn ringojn faru al ĝi, sub ĝia krono, sur ĝiaj du lateroj; sur du flankoj faru ilin; kaj ili estu ingoj por stangoj, per kiuj oni portu ĝin.«

»*Eliro,* 38. 14—15: Kurtenoj de dek kvin ulnoj sur unu latero, kaj al tio tri kolonoj kun tri bazoj. Kaj sur la dua latero, sur ambaŭ flankoj de la pordego de la korto estis kurtenoj po dek kvin ulnoj, kaj al ili po tri kolonoj kun tri bazoj.«

Mi komparis ĉi tiun tradukon kun la greka Septuaginto, la latina Vulgato, la germana de Martin Luther (1546), la itala de G. Diodati (1641), la franca de Ostervald (1724) kaj de J.-B. Glaire (1871—73), la angla »Revised Version« (1870—84), la franca de Ed. Reuss (1874—81), la germana de Holzinger en la Malnova Testamento de Kautzsch-Bertholet (1923), la itala de G. Luzzi (1921—1930). Nu, neniun el ĉi tiuj tradukoj oni povas diri pli bonstila ol tiun de Zamenhof, sed kelkaj estas malpli fidelaj. Mi ne povas ĉi tie represigi ilin, originale aŭ traduke; sed ĉiu povas mem fari komparon.

Ĉiuj estas embarasitaj de la ripeto *latero — flanko* en la tri versoj; kelkaj simple ignoras unu el la du vortoj; Holzinger enkrampigas, t. e. forstrekas, *sur ĝiaj du lateroj* kiel »duoblajon« kaj *sur ambaŭ flankoj de la korto* kiel »gloson«, t. e. klarigon erare enŝovitan en la tekston.

Do, »*cela*« kaj *katheph (cateq* estas evidente skriberaro) embarasis, same kiel d-ron Zamenhof, ĉiujn aliajn tradukintojn, kiuj sekve, se oni akceptas la subkompreneblan opinion de prof. Waringhien, same malbone konis la hebrean lingvon.

Cetere, »*cela*« en El. 30.4 estas ankaŭ embarasiga por la plej aŭtoritataj vortaristoj, W. Gesenius, F. Buhl, kaj iliaj kunlaborantoj, kiuj en la »*Hebräisches und aramäisches Wörterbuch*« (17-a eld., 1921) skribas: »*cela*« — Latero... de la Kesto, El. 25. 12. 14; 37.3,5; de la tabernaklo, El. 26.20, 26,27; 36.25,31,32; de la altaro, El. 27.7; 38.7; *neklara 30.4;* 37.27; kie Dillman klarigas »angulon«, dum Baentsch forstrekas la vorton.«

*S. La Colla.*

**Soneto**

**— K. Kalocsay —**

*La gren' inundas. Riĉon vome jetas*
*maŝinoj. Fluas kun miel' kaj mosto*
*la akvoj. Flugas por la Pentekosto*
*elektraj langoj. Paradizo pretas.*

*Scienco pompas. Brila art' raketas.*
*Kaj tamen grincas nur malsat' kaj frosto.*
*Ho, kruda Fato, tranĉa ĝis la osto:*
*la tempoj grandas kaj la homoj etas.*

*Nur kelkajn ĝustajn paŝojn kaj la vojo*
*trakurus kampojn de eterna ĝojo,*
*sed — ĉie blinda kaj malica strebo.*

*Atendus prete nin la Kanaano,*
*sed ni, en lupa lukto por la pano,*
*mizere mortas sur la mont' de Nebo.*



# OBSERVO

(X.) LA SEKRETO DE LA D-MOL-KONCERTO DE BRAHMS. Ni komencu ĉe Adamo, por ĉion bone kompreni. Vivis do en *Leipzig*, antaŭ pli ol cent jaroj, fama muzikpedagogo, nomata *Friedrich Wieck*. Li havis mirakle belan filineton *Clara*, kiu prezentis sin en koncertoj jam en sia 11-a jaro, kiel fortepian-artisto. Kaj havis Wieck ankaŭ muziklernanton, certan *Robert Schumann*, genian bubon, pli aĝan ol Clara je 9 jaroj. La du infanoj, kiam Clara estis 14-jara, sekrete enamiĝis kaj gefianĉiĝis. Wieck ne sciis pri la afero. Post tempo Wieck kaj Schumann kun kelkaj aliaj amikoj fondis muzikan gazeton (Neue Zeitschrift für Musik), en kiu ili komencis krudan batalon por la moderna muziko.

Sed foje Schumann ekstaris antaŭ Wieck kaj svatis pri Clara. Wiek tute ne volis konsenti. Fariĝis inter ili malbela batalado, kaj — ĉar Clara ankoraŭ ne estis plenaĝa — Schumann sin turnis al la juĝistaro, por akiri tie la ne donitan patran konsenton. Ĉar Clara havis memstaran profesion, la juĝistaro ne povis ne doni la permeson. La gejunuloj fariĝis geedzoj, sed Wieck senheredigis la filinon. La junaj geedzoj vivis en granda feliĉo. Robert havis sufiĉe da enspezo, kiel muzikaŭtoro, kiel konservatoria profesoro kaj ĉefe kiel aŭtoritata muzikkritikisto. La eta familio tre rapide popoliĝis; ne malpli ol 8 infanoj pruvis ilian profundan amon.

Sed ĉe Schumann iom post iom prezentiĝis strangaj signoj. Ni ne forgesu, ke ankaŭ lia patro estis freneza, ankaŭ lia fratino *Emilia* sin mortigis freneze. Ankaŭ Robert ekhavis viziojn, kiujn li nur pliigis per tio ke de 1852. li komencis viziti spiritistajn societojn, eĉ, la motivon de unu el siaj simfonioj, la du unuajn taktojn, li skribis laŭ la dikto de la mediumo. Irante sur la strato li forgesis pri la tuta mondo kaj okazis al li, ke foje li renkontis siajn proprajn infanojn, li rigardadis ilin per lorno, sen rekoni ilin kaj nur tute fremde li balbutadis al ili: »Nu, karaj infanetoj«, kaj jam sinforgese paŝadis plu. Ankaŭ la verkado fariĝis al li ĉiam pli malfacila, kvankam ĝuste tiutempe li havis krudan batalon por la kariero de Berlioz, Chopin kaj ankoraŭ iu, por kies intereso li verkis sian lastan, grandan studon. Tiu ĉi iu estis juna fortepianartisto kaj muzikaŭtoro, *Johannes Brahms*. Lin malkovris *Ede Reményi* kaj prezentis al *Ferenc Liszt* kaj *Jozefo Joachim*. Kaj Joachim rekomendis lin al Schumann, kiu, malgraŭ sia akuta nervozeco, funde sin okupis pri la juna muzikisto kaj — per granda kaj detale profunda studo li portis en la scion de l' muzika mondo la nomon de la 21-jara junulo.

La studo aperis kaj la postan tagon Schumann, kiu jam ne estris siajn nervojn kaj timis freneziĝon, la 27-an de februaro 1854. saltis en la Rejnon. Oni elprenis lin kaj portis hejmen al lia familio, kie antaŭ nelonge naskiĝis la plej eta knabino, Eŭgenia. Kompatinda, turmentita Clara plorante sin turnis super la lulilon. Robert vivis ankoraŭ du jarojn en la frenezulejo de Endenich.

Clara'n atendis terura sorto. Jam de jaroj ŝi estis duon-vidvino de duon-mortinto, devis batali ne nur por la vivteno de siaj 8 gefiloj, sed por la fleg-elspezoj de l edzo. Al la patro, kiu ŝin senheredigis, ne povis sin turni tiu ĉi papilidelikata virineto. Ŝi devis sin apogi nur al si mem, al la arto de siaj nuraj du manoj. Kaj en tiuj ĉi teruraj tagoj unu sola homo staris apud ŝi, mallertmova junulo, *Johannes Brahms*, je 14 jaroj pli juna, ol Clara . . .

La tuta nuna mondo konas Brahms-on nur graseta, kupro-vizaĝa, erinac-natura fraŭlo, kun granda Wotanbarbo, kiu eĉ en sia maljunaĝo — kiam li jam estis vere riĉulo — sin vestis neeble strange: al sia poluriĝinta funebra vesto li uzis senkoluman koloran ĉemizon, la mallongaj ŝtrumpoj konstante pendis el sub la pantalono, li neniam portis gantojn, kaj sur lia dika ventro traarkis dika arĝenta ĉeno. Kun tia aspekto li aperis ĉiuvespere en la drinkejo »Rother Igel« (Ruĝa Erinaco), kie jam atendis lin la konstanta societo: *Billroth*, la muzikamanta profesoro, *Hellmesberger, Kalbeck, Gänsbacher*, k. t. p. En sia junaĝo li havis preskaŭ knabinecan voĉon, tion li tre hontis kaj intence li tiel profundigadis ĝin, ke fine lia estis la plej raŭka bierbaso de Eŭropo, per kiu, el sia drinkeja angulo, li distondris siajn famiĝintajn obscenaĵojn. Kaj poste, kiam li enverŝis alkoholon en sufiĉa kvanto, li ekiris kun tondraj paŝoj al sia senhejmeca loĝejo, kie la maljuna *Truxa*, la ĉiam grumblema servistino helpis en liton la nerebonigeblan fraŭlon . . . Jen kia maljuna, cinika, ofte frivola, grumblema, malamema homo lin konis la mondo! Kvankam ho, ne ekiris tia la juna Brahms. Ni ricevas pri li tute alian bildon en la memorskriboj de Eŭgenia, la plej malgranda filino de Schumann, kiu uzis por sia verko ankaŭ la sekretan taglibron de sia patrino.

La mallertmova junulo — ankoraŭ en la tempo de la malsano de Schumann — ofte vizitis la domon de Clara. Jam malproksime en la ĝardeno li demetis la ĉapelon kaj tiel sin ŝtelis en la salonon. Neniun li alparolis, ĉar neniun li kuraĝis ĝeni, li nur sidiĝis ĉe la fortepiano kaj



Lux: *Dancistino*

ludis iun komponajon de Schumann aŭ de si mem, kaj se li vidis, ke neniun li interesas, li denove senvorte forportis sin. Poste li jam fariĝis ĉiutaga gasto en la domo. Li helpis aranĝi la negocajn aferojn de Clara, pritrakti siajn koncertvojaĝojn; eldonis la postlasitajn verkojn de Schumann. Kaj, kiam la sorto lin portis for el la proksimo de la familio de Clara, ili vigle korespondadis, kaj ĉiun someron ili pasigis kune. Iun someron ilia rilato malvarmiĝis pro io. Clara vojaĝis kun la infanoj en Venecion kaj Brahms ne vojaĝis kun ili. Sed jam en la unua vespero, kiam ili elsidis antaŭ la *Danieli*, por ĝui la sunsubiron, li aperis ĉe la tablo de l' infanoj — Clara ĝuste ne estis ĉe ili — diris nenion al ili, nur karesis ilin per la okuloj, mendis por ili ĉion bonan, pagis ilian konton kaj ree senvorte li foriris, sed eĉ de malproksime li re kaj returniĝis kaj esploradis la georfojn... Ja, longe nekomprenebla rompo estis en la animo de tiu ĉi homo, kiun la ekstera mondo ne kapablis klarigi. Ĉiu sentis, ke la cinikismo estas nur ekstera masko, la krudeco nur kiraso, sub kiu sin kaŝas de la ĝena scivolo de l' ekstera mondo — morte vundita, amema animo...

Brahms jam malaperis de longaj jaroj de la horizonto de l' Schumann-familio. Ĉiujare li pasigis la someron en Ischl, kie li amikiĝis kun la familio de Johann Strauss. Iun tagon, printempe de 1896., li ricevas telegramon, ke Clara mortis en Frankfurt kaj oni enterigos ŝin en Bonn, apud la tombo de la edzo. Brahms kuregas al la vagonaro, por vidi ankoraŭ foje la vizaĝon de Clara. Li malfruas Frankfurton. Plu al Bonn. Sed ankaŭ tien li alvenas, post kiam oni jam fermis la pordon de l' kripto. Brahmson terure rompas, ke li jam ne povis adiaŭi Clara. Kiam li revenas, lia vizaĝo estas timiga, liaj konatuloj apenaŭ rekonas lin. Flaveruĝa. Kuracista profesoro. Kaptis Brahmson la terura, ve! nevenkebla bronzmalsano, la abomena malsano de l' hepato. Li mortis en la sama jaro. Sur la morta lito la maljuna, obstina fraŭlo demetis la maskon. Unue en la vivo oni lin vidis plori. Larmoj venis en liajn okulojn, ĉar li pensis pri tio, ke tiel, solece, sen edzino kaj gefiloj, li pasas el la mondo...

Liaj muzikaj verkoj havas plurajn interpretajojn. *Max Kalbeck*, unu el liaj biografi-verkistoj, ĝuste sentis, ke en la D-mola fortepiankoncerto ni devas serĉi la ŝlosilon de la junaĝa anima vivo de Brahms. Sed li komentis tiel, ke la aflikta trilo en la kapotemo de tiu ĉi koncerto simbolas tiun konsterniĝon, kiu kaptis Bramhson, kiam li ekaŭdis la sinmortigan provon de Schumann. Hodiaŭ jam, per la memorskriboj de Eŭgenia Schumann kaj ĉefe per la granda Brahms-monografio (antaŭ ne longe aperinta) de *Richard Specht* ni klare konas la sekreton de tiu ĉi koncerto kaj kune kun ĝi de la vivo de Brahms.

Brahms ligiĝis kun neestingebla, sincera, hontema amo al la tiam ankoraŭ duona vidvino de sia bonfaranto, Robert Schumann. Kaj tre verŝajne li estis ankaŭ akceptata. Sed Brahms sentis ĉi tion ia terurega kulpo, sendanko, kiu bruligis ĝis la fundo de lia animo por tuta vivo sian Kain-sigelon. La morala konflikto inter la danko al la bonfaranta amiko kaj la sensa amo minis el Brahms la *D-mol*-koncerton kaj tiu ĉi konflikto neniam plu ekvilibrita determinis la tutan pluan vivon de Brahms. Clara estis la unua ka lasta vera amo de Johannes, kaj ĉi tiu amo — laŭ lia morala sento — estis senmorala; Clara restis por Brahms la ununura Virino. Neniam plu en sia vivo li amis virinon. Tiu ĉi Freŭdeca kulpkonscio determinis la tutan karakteron, sinkaŝon antaŭ la mondo, infan-amon, taŭzitan fraŭlumadon de la maljuniĝanta Brahms. Kaj la muzikhistorio povas danki al la delikata kaj filigrana figuro de Clara ne nur la belegajn D-mol-novelet-ojn de Robert Schumann — ĉarman muzikan interpretajon de la ama romano de Robert kaj Clara — sed ankaŭ la timigan, tragikan D-mol-koncerton de Johannes Brahms — pasian, suferan, tragikan monumenton de persekuta konsciencriproĉo de hiobanima homo.

---

*Ju malpli granda estas la cerbo de iu homo, por des pli grandaj decidiĝoj ĝi kapablas.* (Ted Cook)

(X.) NOTOJ PRI LA PEN-KONGRESO. Mi ne malkaŝas sekreton, se mi diras, ke Dalmatio estas tute stranga, senkompara belaĵo de Eŭropo. Ĝiaj kalvaj montoj, inter kies ŝtonripoj nur tie kaj tie sin trovas anemia arbeto, ĝia delikate puntita marbordo, ĝiaj urboj konstruitaj el natura ŝtono, kie la homoj loĝas en domoj konstruitaj dum la Romaj tempoj, aŭ pli-bon-okaze dum la mezepoko kaj modernaj, higieniaj konstruaĵoj troviĝas nur sur la periferioj, — konjektigas tute specialan vivon. Eble nenie en la mondo premas tiel la nunon la pasinto. Brila, altkultura pasinto, kiu ne havas daŭrigon, ĉar ĝi ne evoluis nuno. La vivo de la nuno apenaŭ havas kontakton kun la dekoracioj, inter kiuj ĝi okazas. Venecio regis iam Dalmation, kaj ĝia efiko ankaŭ hodiaŭ estas videbla ĉiuloke. La malnovaj konstruaĵoj de la urboj havas venecian stilon, la interna parto de Raguza aspektas kvazaŭ placo de Venecio. Pitoreskaj kaj romantikaj urboj estas ĉi tiuj, sed mi ne dezirus loĝi en iliaj domoj. *La kongreso?* Ĝia plej ĉefa klopodo estis, ke la Pen-klubo, kiel mondunuiĝo, ne ĉesu. Nome, hodiaŭ ni vivas tiajn tempojn, kiuj tute ne favoras al tia verkista organizaĵo, kies ĉefaj principoj estas preslibero, konsciencolibero, supernacieco en la literaturo. La libero, la granda donaco de la XIX-a centjaro, fariĝis sufiĉe abstrakta ideo. Nur ĉe la popoloj, vivantaj sur la bordaj regionoj de la Atlantika maro ĝi estas ankoraŭ io konkreta. En la interna granda bloko de Eŭropo, de la *Rejno* ĝis la *Ural* ĝi vivas ankoraŭ nur koncepte, ne plu en la realo. *La Pen-unuiĝo* volas ekzisti plu. Ĉiu organizaĵo fondiĝas por la servo de ia celo, sed poste ĝi fariĝas memcela: ĝia ĉefa klopodo estas, ke ĝi ne ĉesu, eĉ por la kosto de la origina celo. Jen kial estis en embaraso la tuta kongreso pro la germana problemo. Laŭ la principoj kaj statutoj de la Pen-klubo la hokokruca germana sekcio ne povus havi lokon en la unuiĝo. Sed, se ĉi tion laŭ la principaj vidpunktoj, tute klare difinitaj, oni decidas, disŝiriĝas la tuta unuiĝo, ĉar kune kun la germanoj estus elirintaj ankaŭ tiuj, kiuj ne volas ŝiriĝi de la germanoj: italoj, svisoj, nederlandanoj. Kaj ankaŭ la germanoj ne volonte estus elŝiriĝintaj. Tial hezitis tiom la kongreso pri la germana problemo. Ĝi propre inter entuziasmaj aplaŭdoj aŭskultis la akuzparolon, faritan kun brila oratora preteco, de *Ernst Toller*, kun simpatio la jeremiadon de *Schalom Asch*, sed kontraŭ la aŭtodafeo de l' libroj, el-

---

## Parizaj skizoj

**— G. Waringhien —**

### Placo de l' opero

*Demona aŭtokirlo! En mi jam preskaŭ velkas*
*la bontona spiritsano...*
*Sed — savo! Jen, kviete en la tempesto, kverkas*
*blankbastona policano.*

### Impresoj de „Métro"

*Tra la vitro de la subfervoj': relbrilo;*
*vasta kaj dezerta kaj'*
*Ĉe spegul' de aŭtomata disdonilo,*
*junulin' rizpudras sin.*

### Aprilmateno

*Odor' de virino ŝvebas tra Parizo...*
*La arboj ekskizas frugracilan frondon;*
*silkece susuras la fontan-irizo.*
*Amor' superfugas la novjunan mondon.*

### La samo legita per la okulvitroj de Schwartz

*Odor' de benzino ŝvebas tra Parizo...*
*La aŭtoj traŝovas polvogrizan fronton;*
*silkece susuras glas' da Seltz-anizo.*
*Humor' superflugas ĉi Parnasan Monton.*

pelo de verkistoj, klasifiko de verkistoj laŭ mondrigarda kaj rasa aparteno kaj aliaj hokokrucaj aferoj ĝi ne havis energian geston, logike atendeblan de la Pen-spirito. *La pritrakto de la germana afero* klare montris la bildon de la eŭropa diplomatia situacio en malgrandigita formo. Sur radikala kontraŭhokokruca bazo staris la francoj, kaj kun ili la belgoj, la malgranda entento kaj la poloj. Moderere germanamikoj estis la italoj, aŭstroj, svisoj kaj la nederlandanoj. Perantan rolon akceptis la angloj kaj la amerikanoj. La literaturo ja ĉiam havas politikan efon, vane ni akcentas ĝian senpolitikecon. *Felix Salten* donis intervjuon en Zagreba germana gazeto. Li klarigis sian sintenon, kial li estis tiel tolerema en la germana afero. Li diris: la germana literaturo, ĉu en Aŭstrio, ĉu en Svisujo, ĉu en Germanujo oni kulturas ĝin, estas nedividebla unuo kaj ĉi tiun unuecon oni devas trasavi por tiuj tempoj, kiam la hodiaŭaj Germanlandaj aferoj jam estos glatiĝintaj. Tio estas afero de pripenso. Kaj t.o. ke li entuziasme salutis kaj brakumis Schalom Asch kaj Toller, post ilia parolo, estis afero de impulso. Unuvorte, kiel germano, li estas tolerema kontraŭ la hokokruco, kiel judo, li entuziasmas por tiuj, kiuj atakas la hokokrucon. — *H. G. Wells* estas mezalta, grizhara, ne dika kaj eĉ ne maldika sinjoro. Individue li sin vestas: ĉe la liberplaca teatra prezentado li aperis en smokingo, mola ĉemizo kaj mola kolumo. Lia voĉo estas surpriza kvazaŭ infana voĉo. Kiel prezidanto, li havis malfacilan situacion. Kiel novbakita prezidanto li ne povis tuj dissaltigi la unuiĝon, kaj ankaŭ la simpation al Toller li ne povis kaŝi. Pro tio estis ŝanceliĝema lia prezido, kiu elvokis multan kritikon.

---

*Sinjoroj, vi direktas unu el la plej grandaj industriaj entreprenoj de la mondo. Sed mi havas la senton, ke vi tre malofte pensadas. La plejmulto de la homoj pensas du- aŭ trifoje dum jaro. Ekzemple tial mi fariĝis mondfama, ĉar meznombre dufoje mi kutimis pensadi dum semajno.* (Bernard Shaw)

---

(X) GRAFINO NOAILLES †. Tre interesa verkista vivo finiĝis per la morto de *Anna de Noailles*. Malgraŭ la rumana deveno ŝi staris en la frontlinio de la hodiaŭa franca literaturo, ĉefe kiel lirikista poetino. Ŝi naskiĝis en Parizo kiel princino *Bibesco* kaj konstante verkadis de sia 11-a jaro. Kiam aperis ŝia unua poemlibro, ŝi estis 25-jara. De tiam preskaŭ ĉiujare ŝi eldonis unu volumon, jen romanon, jen poemojn, en kiuj ŝi montriĝis ĉefe la fidela sekvanto de la francaj romantikistoj, kvankam ofte ni renkontas inter ŝiaj linioj la rememorojn de la parnasuloj aŭ simbolistoj. *Charles Maurras* ŝin vicigis jam en 1903. inter la »kvar virinkapaj dolĉaj monstroj«, kaj ŝiaj malpli indulgemaj kritikistoj jen starigis ŝin en la saman linion kun *Francis Jammes*, jen titolis ŝin »la muzo de ĝardenoj«, pro la nekontestebla ama ligiteco al la naturo. Eble ĉi tiun ŝian valoron premiis la franca Akademio, kiam en 1921. ĝi juĝis al ŝi la Grandpremion, fonditan en 1912. de sennoma donacinto. Iom da tempo oni multe parolis ankaŭ pri tio, ke aŭ ŝin, aŭ *Colette*-on, — kiel unuajn virinajn membrojn — elektos en sian eminentan societon la francaj senmortuloj. La elekto fine tamen ne okazis, pri kio Anna Noailles sin konsolis tiel, ke ŝi skribis al Colette: »Ja kara mia, ne ĉagreniĝu, — la verda koloro ne bone aspektas sur la virinoj« (per ĉi tio ŝi aludis pri la verda frako de la akademianoj). Malgraŭ sia aristokrata deveno ŝi koketis konstante al la maldekstra-flankaj ideoj; por kio fine, en 1924., kiam la radikala partio akiris la plimultecon, konsole pro la nericevita akademia membreco oni distingis ŝin per la kavalira kruco de la franca Honora Legio kaj ĉi tion antaŭ ne longe ŝi povis ŝanĝi per la oficira kruco. Ŝi estis delikat-anima, sprita virino, sed virino, kiu ja ofte uzis, eĉ misuzis la naturdonitan akrecon de la virina lango. Kun ŝia parenco, *Helena Bibesco*, ili ja komune faris la »rumanan trion«, sed ĉi tio ne malhelpis ŝin, ke ŝi ĝeniĝu pro la pli juna aĝo kaj pli neta aspekto de Helena. En societo foje ili estis kune kaj ĉi tie Helena havis brilan sukceson, kiel bela virino. Post kiam Helena foriris, iu sin turnis al grafino Anna: — Nu, kion vi diras? Ĉu ne ĉarma estaĵo? Kaj tre talenta ŝi estas, ĉu ne? — Grafino Anna respondis kun iom da galo: — Ho, kompreneble, ŝi estas eĉ tre talenta. Sed vi scias, ĉu ne, ke ŝi portas perukon?! — Grafinon Noailles kompreneble ankaŭ ekpinĉis la kalumnio. Ŝian talenton oni ne povis kontesti, oni do atakis ŝin kiel virinon. Juna verkisto, nomata René Benjamin, verkis pri ŝi — kiel oni diras — tre senindulgan kaj krudvoĉan libron. Kiel oni diras, — ĉar la libro mem estis vendata nur unu tagon kaj tiam nekonataj manoj kunaĉetis la tutan eldonon. Laŭdire mem la grafino, tiam jam multe transirinta la 50-an jaron, donis materialan helpon al la juna aŭtoro, por reaĉeti el la vendejoj ĉiujn ekzemplerojn.

Kun la paso de la jaroj ĉiam pli kaj pli amara fariĝis ŝia liriko; kun la alta aĝo ŝin obsedis la amo de l' sufero kaj ŝi ludis nun jam senĉese kun la penso de la Morto. La Benjamin-libro, ĉi tiu unua fatala frapo al la konscio de ŝia virineco, atingis ŝin en maja monato. Kaj de tiam ŝi sciis kun vizia kredo, ke ankaŭ ŝian morton alportas maja monato. Ŝi jam skribis antaŭ jaroj ĉi tiun linion:

*Pourtant tu t'en iras un jour de mai Jeunesse . . .*

kaj fine vere en monato majo haltigis ŝian lastan kanton la glacia mano de la Morto . . .

---

## REDAKCIA POŜTO

*E. W.: Publika letero al I. C. K.* Tre verve skribita artikolo, sed ĝi rilatas aferon, en kiun, konsidere al la nepolitika, eĉ ne esperantopolitika karaktero de la revuo, ni ne deziras enmiksiĝi. Cetere, laŭ nia opinio, tiun aferon oni jam ne povas solvi kontentige, plej bone do estas ĝin lasi trankvila, ĝi iru sian propran vojon: ja ĉiu vojo kondukas ien.

*N. M. Osaka.* Kompreneble, la versformoj pritraktitaj en la P. G. tute ne elĉerpas ĉiujn ĝisnunajn, tiom malpli ĉiujn eblajn kaj bonajn versformojn. Tia ebla kaj bona estas ankaŭ la versformo de via poemo, kiun ni publikigas ĉi-numere.

*S-ano Breier, Cluj.* La poemoj ankoraŭ ne estas publikigeblaj. Ni esperas, ke vi ĉiam progresos kaj ni ricevos de vi bone uzeblajn poemojn. Librojn ĝis nun ni povas sendi al vi.

*F-ino Seckel, Almelo.* Pardonu pri la eraro koncerne la bindaĵon. Estis kulpaj ni.

*S-ro Rosenstock, Zagreb.* Ni ne povas bone kompreni kiel perdiĝis la senditaj numeroj. Nun ni postsendis refoje ĉion kaj esperas, ke vi ricevis ilin.

*S-ro Rosenberg, Tallinn.* Ni devis pagi ankaŭ nun por via recenzsendaĵo svisajn fr. 1.10!

*S-ro Swietoszewski, Mala Wies.* Ni konfirmas la ricevon de via abono. Dankon. Bedaŭrinde unuaj nroj de 1931 ankoraŭ ĉiam mankas. Ni sendos al vi la gazeton anstataŭe pli longe. Pardonu.

*S-ro Haven, Nederl.* Mr. Tot estas jam eldonita en du gravaj naciaj lingvoj: en la germana kaj en la pola. La lasta traduko jus aperis kaj estas tre bone akceptata, el la germana traduko jam vendiĝis kelkaj eldonoj.

---


## ANONCETOJ

Intencante pasigi mian libertempon en julio-aŭgusto proksime al Graz, Aŭstrio, mi volonte renkontus tie literatureman samidean(in)on por esp-lingva babilado. L. Totsche, Vérmező-ut. 16. III. 24. Budapest Hungarujo.


---

### Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Frondo* (Verax): verdfolia branĉo; *humida* (Grabowski): malseka; *iriza* (Wüster): ĉielarknuanca; *jubili* (Christaller): ĝojkrii; *obscena:* pudorindigniga; *poltrona:* malkuraĝa; *skafandro* (Marista Terminaro): subakvista ekipaĵo; *smokingo* (Grosjean-Maupin): speco de ceremonia jako; *torporo* (Grosjean-Maupin): sensentiĝo; *trista:* malgaja.

FLAVA DANĜERO AŬ BLANKA DANĜERO?
ĈU LA OKCIDENTO PEREOS?
ĈU LA SAVO VENOS EL LA ORIENTO?

# Oomoto Internacia

en sia pligrandigita serio respondos tiujn ĉi problemojn

Petu senpagan specimenon al la Eldonejo en

**Kameoka, Kioto-hu Japanujo**

DU NOVAJ LIBROJ

IVAN MAŽURANIĈ

**LA MORTO DE SMAIL AGA ĈENGEJIĈ**

Heroa eposo kroata, tradukita de
MAVRO ŠPICER

**La perlo de la kroata literaturo**

Sur 76 paĝoj, kun ses tutpaĝaj ilustraĵoj, sur senligna papero, bele bindita, afrankite svisaj frankoj 3.—
Eldonis La Suda Stelo, Slavonski Brod, Jugoslavio

CARLO GOLDONI

**KURIOZA OKAZAĴO**

Triakta komedio

El la itala tradukis
MEVO

64 paĝa, kun tri ilustraĵoj. Prezo sv. fr. 1.50 + 10%

Eldonis
Esperanto-Centro Itala
Milano, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.

**Ambaŭ haveblaj ĉe Literatura Mondo, Budapest**

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**Aŭstralio:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, *Melbourne* 185 Exhibition Street.

**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

**Britujo:** Alec Venture, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.

**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.

**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralové.* Poŝtkonto nro: Brno 110.878.

**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.

**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e. 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Librairie Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**Germanujo:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*

**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a

**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92. Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11. La Suda Stelo *Slavonski Brod* Poŝtfako 44.

**Latvio:** Pocztowa Kasa Oscednosĉi Warszawa P. K. O. Riga Nr. 4.030 *surskribu:* Na konto Administracja Literatura Mondo Krakow Nr 403 148.

**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.

**Norvegujo:** Norvega Ligo Esp-ista, *Oslo*, Bergsliengata *11*.

**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15

**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578

**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.44.

**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

**Aliaj landoj** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al Pocztowa Kasa Oszczednoŝci, Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo.

**ESTONA ANTOLOGIO**

**Unua parto**

Sub la redaktado de

HILDA DRESEN

**kaj aliaj eminentaj tradukistoj**
estas nepre havinda libro por ĉiuj esperantistoj. — Prezo **2·50** sv. fr. afrankite.

**Havebla ĉe Literatura Mondo, Budapest**

La unua parto de la DIA KOMEDIO, la

# Infero

## de Dante Alighieri

tradukata de

**Kolomano Kalocsay**

aperos en aŭgusto. La verkon kaj tradukanton konas ĉiuj esperantistoj. Ni aldonu, ke laŭ lingvohistoria vidpunkto la tradukon reviziis BRUNO MIGLORINI Akademiano kaj STEFAN LA COLLA L. K. kaj vi estos konvinkita, ke la traduko apartenas al la plej bonaj tradukoj de la mondfama verko.

Detaloj pri la amplekso, prezo aperos en la sekva numero, sed jam nun ni povas informi, ke la verko estos eĉ
pli bela,
pli impona
ol Tragedio de l' Homo
de Madách.

**Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj** donos la verkon al ĉiuj siaj anoj por la 40 t. e. kvardek % de ĝia vendoprezo, kiel eksterprograman libron en 1933-a jaro.

## Mikaelo Sárossy kantas | Kolomano Kalocsay deklamas

sur la

# nova gramofondisko

nun preparata de Literatura Mondo. Por komencantoj la disko estos necesa instruilo de prononco, por progresantoj la moltona dolĉa kanto de Sárossy kaj la muzikoplena deklamo de Kalocsay donos neforgeseblan ĝuon. La disko preniĝas el nova nerompebla materialo, kiu estas ludebla almenaŭ sepdekfoje per la kutimaj pingloj, sed ni povas liveri novspecajn pinglojn, per kiuj oni ludas ĝis ducentfojoj. Unu flanko ludas dum kvar kaj duona minutoj. Pri la prezo kaj aliaj detaloj ni donos precizajn informojn en la venonta Literatura Mondo.

Felelős kiadó: Zöldy István. Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gyula felelős.